Xa jaro. No 157 (21) ☆ Duonmonata ☆ 20 Novembro 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . 2. — Sm. (5 fr. —)
Luksa eldono . . . . . . . . . 2. 50 Sm. (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . 16 Sd. (40 ct.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 20 Sd. (50 ct.)

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAJOJ

# Pri la laborakcioj

Antaŭ kelkaj monatoj aperis en Francujo interesplena verko dediĉata al tiu socia demando, vere nuntempa, pri la laborakcioj. Ni ŝuldas al la afablaj kaj esperantemaj sentoj de la lerta aŭtoro, S-ro Antonelli, direktoro de la ĉiusemajna gazeto „La Démocratie Sociale“, kaj profesoro ĉe la Libera Kolegio de Sociaj Sciencoj en Paris, tre afablan permeson prezenti al niaj legantoj tradukon de la plej interesaj ĉapitroj de tiu libro.

Sed antaŭ ol ekstudi la aplikadon de la laborakcia principo al nia moderna vivmaniero, necese estas iom koni la kialon de tiu ĝeneralinteresa demando. Laborakcioj rezultas de la kreado de „anonimaj societoj kun laborista partoprenado“. Ĝis nun, kiam kreiĝis iu societo, akcioj estis emisiataj: la fondinto, kiu alportas siajn rilatojn kaj projektojn, ricevis ĉefan parton de ili; aliaj akciuloj estis tiuj, kies monon kaj kapitalon la societo akceptis por funkcii. Sed la laboristoj, kiujn okupas la entrepreno, kiuj al ĝi donas sian ĉiutagan laboron, parton de siaj fortoj, de sia mana kaj intelekta kapablo, nenion ricevis krom la ordinara salajro. Tamen plej grave estas interesata la sukceso de la firmo je la konstanta penado de tiuj modestaj kunlaborantoj. Ĉu do ne devas esti konsiderata la kapitalo, kiun alportas ilia senĉesa penado?

Laborakcioj enirigos en nian nuntempan leĝaron necesan reformon: dank'al ili, je la fondo de societo kaj okaze de la divido de la akcioj, parto estos rezervata al la laboristoj, kiuj ope ilin posedos, ne rajtante ilin disvendi sed nur profiti ilian procenton kaj, okaze de disiĝo, inter si ilin dispartigi.

Kiel skribas en la antaŭparolo de la dirita libro S-ro Briand, franca eksĉefministro: „En bonfarta kaj progresema demokratio, leĝo ne devas eliri perfekta el la parlamenta vergo, kiel festeno el fea rakonto. Eĉ la plej bona ideo, antaŭ ol efektiviĝi en pozitiva leĝaro, estas devigata suferi en la publika opinio, iun ajn gravedecan laboron. Aplikante tiun metodon, oni eble evitus nekomprenojn kaj surprizojn pro kiuj multe suferis nia socia leĝaro de la lastaj jaroj.“

Tiamaniere ŝajnas esti, efektive, pro la plej ĝenerala bono solvata la grava demando de amika kaj efika kunlaborado de la kapitalo kaj de la laboro.

* * *

Jen la maniero, laŭ kiu estis difinita tiu nova formo de societo en la primitiva projekto de la „Komitato de la socia Demokratio“. Estas, en la formo, anonima societo, al kiu rilatas ĉiuj reguloj de similaj societoj krom la sekvantaj rezervoj:

Ie La kapitala alporto kaj la labora alporto, iloj de ĉiu ekonomia produkto, kreas du akciajn kategoriojn: akcioj de kapitalo kaj akcioj de laboro, donantaj al siaj posedantoj samajn rajtojn dum la tuta societa daŭro. Tamen ĉe la dissolviĝo la societa posedaĵo estas disdonata inter ĉiuj akciuloj nur post la tuta repago de la kapitalaj akcioj.

IIe La nombro de la laboraj akcioj estas fiksita per la regularoj. La akcioj estas la kolektiva propraĵo de ĉiuj aktivaj salajruloj de la societo laborantaj dum fiksita tempo kaj konstante. Tiel longe, kiel daŭras la societo, ĉiu laboristo havas nenian rajton al la posedo de la laborakcioj. La parto de la jaraj profitoj aŭ de la societa posedaĵo, kiu, okaze de

dissolvo, apartenas al laboraj akcioj, estas disdonata inter ĉiuj salajruloj proporcie al ilia jara salajro.

III^e La reprezentantoj de la laboristaro en la jara kunveno de la akciuloj en la regula proporcio laŭ la nombro de akcioj estas balotataj ĉiujare de la salajruloj; por tio ĉiu havas nombron de voĉoj proporcian al sia salajro; la plej malgranda salajro estas konsiderata kiel unuo.

IV^e La administranta konsilantaro devas enteni po kvarono almenaŭ unu reprezentanton de la laboristaro posedanta la laborajn akciojn. Tiuj reprezentantoj povas esti elektataj ekster la laboristaro de la entrepreno inter la anoj de la laboristaj sindikatoj reprezentataj en tiu laboristaro.

Tiun projekton kelkaj personoj konsideris kiel ian leĝan monstron, kiun ni dezirus enkonduki surprize en la leĝaron kun la kaŝa sed ambicia ideo renversi la kapitalistan ordon; niaj ideoj estas pli modestaj. Societo kun laborista partopreno, laŭ mia opinio, almenaŭ, ne estas nova jura organo. Por krei kaj funkciigi similan societon, ne estas utile atendi ĝis io estos ŝanĝata en nia leĝaro; sufiĉus enskribi en la reguloj de la societo, cetere similaj al tiuj de la ordinaraj anonimaj societoj, kelkajn specialajn regulojn. Ĉiuj akciuloj en ordinara anonima societo ne akiris sian titolon de asociano en la sama maniero. Tiu titolo elvenas ĉe kelkaj de la mona pago de iliaj akcioj; ĉe aliaj de simpla pago en formo de materialo; aliaj promesis siajn servojn, kiujn oni nomas ilia industrio; aliaj ĝin ricevis sole kiel fondintoj de la societo: monaj akcioj, alportaj akcioj, industriaj akcioj, partoj de fondintoj, devas esti konsiderataj kiel variaĵoj de akcio.

Supozu nun, ke en anonima societo, oni donas al la grupo de la laboristoj de la entrepreno specialan nombron de akcioj pagante per tio la laboron, kiun ili alportas al la societo. Per tiu sola fakto oni kreas anoniman societon kun laborista partopreno.

Por klarigi tiun ideon, ni prenu ekzemplon de la regularo de nuntempa societo, kiu celas ekspluati la vendon de fonografaj diskoj: En la 8^a regulo de tiu societo oni legas: La societa kapitalo estas 1.000.000 frankoj, dividita inter 10.000 akcioj de 100 frankoj ĉiuj subskribitaj kaj pageblaj mone. Tiuj subskribantoj, kiuj fariĝis akciuloj promesante monan pagon, ricevas tion, kion oni povus nomi monaj akcioj.

En la 6^a regulo de la sama regularo ni legas ankoraŭ: S-ro X. alportas al la societo: 1^e siajn kapablojn, sian teknikan scion kaj siajn artistajn kaj komercajn rilatojn; 2^e la kolektivajn kaj personajn promesojn kun aliĝo al la nunaj reguloj, de 10 artistoj . . ., kaj la 7^a regulo aldonas: Reprezentantaj tiujn alportaĵojn, estas donitaj al S-ro X 100 partoj de fondinto inter la 500 kreitaj laŭ la 50^a de la nunaj reguloj.

[illegible] persono estas asociano ricevanta akciojn (partoj de fondinto ankaŭ estas akcioj), kiuj reprezentas sole, kiel diras la regularo, „liajn kapablojn, lian teknikan scion kaj liajn komercajn kaj artistajn rilatojn.“ — Daŭrigante la legadon de tiu regularo, ni trovas: Estas kreitaj 500 partoj de fondinto. Tiuj partoj estas disdonotaj kiel sekvas: 100 al S-ro X., fondinto, 400 restos la propraĵo de la societo; ilia produkto estas disdonata al la aliĝintaj artistoj proporcie al la sumo de la vendoj realigitaj.

La societo kun laborista partopreno do estas nur speciala formo de la ordinara anonima societo, en kiu la alporto de laboro kreigas akciojn de laboro.

* * *

La ideo de partopreno de la laboristaro en la administrado de la entrepreno estis jam sukcese uzita kelkajn fojojn. Ni citos nur la plej konatajn aplikojn. Dum 1897 la *South Metropolitan Gas K-o* en Londono ricevis de la Brita Parlamento rajton aldoni al sia administra konsilantaro reprezentantojn de oficistoj-akciuloj. Nun la laboristoj balotas du direktorojn, tria estas balotata de la ĉefaj oficistoj. Tamen la ordinaraj akciuloj havas ses reprezentantojn inter la direktanta konsilantaro. La 3800 oficistoj de la kompanio posedis 264.000 akciojn, kiuj dum marto 1910 valoris ĉirkaŭ 8.000.000 fr.; la societa kapitalo estis 210.000.000 fr. Oni do vidas, ke la laborista reprezentado en la direktanta konsilantaro ne estas proporcia al la nombro de la akcioj posedataj. Tiu sistemo funkciadas en perfekta maniero kaj neniam okazigis gravan malkonsenton.

La *South suburban Gas K-o* imitis la ekzemplon de la *South Metropolitan* kaj akceptis en sia administra konsilantaro du laboristajn reprezentantojn.

Fine en kunveno, kiu okazis la 14 januaro 1909, la direktoro de la *Gaslight and Coke K-o* klarigis al siaj akciuloj projekton de laborista partopreno. La regularo antaŭvidis la kreon de direktanta komitato entenanta la direktoron de la kompanio kiel prezidanto, 18 membrojn balotatajn de la administrantoj kaj 18 reprezentantojn balotatajn de la laboristoj laborantaj de kvin jaroj ĉe la kompanio.

La ideo de *kolektiva akcio* ankoraŭ ricevis kelkajn aplikojn en Anglujo ne kaŭzante malutilon. Ni trovas unue sistemon uzatan de la eldonista firmo *Cassel & K-o* en Londono, kiu ne estas vera sistemo de kolektivaj akcioj, sed kiu tre alproksimiĝas kaj povas al ĝi konduki. La oficistoj de tiu entrepreno fondis asocion, la *Bells salvage share investment*, kiu celas havigi akciojn; ĉiuj oficistoj povas partopreni. La societo aĉetis tiumaniere grandan nombron da akcioj por la laboristoj.

En la firmo *Foster & Sons & K-o Ltd.*, kiu estas kolorigista entrepreno de Padiham, la sistemo de la kolektiva akcio estas plej klare uzata. Tiamaniere la direktoroj klarigas mem la funkciadon: Nia entrepreno en 1903 fariĝis „limited“-societo sub la societa nomo „Foster Sons & K-o“. Por eviti la malutilon havi gravan nombron de malgrandaj akciuloj kun direktaj partoj en la firma kapitalo, ni opiniis singarde kunligi tiujn laboristojn, kiuj deziras fariĝi akciuloj, en societon, kiu povus kolektive posedi la akciojn de nia entrepreno. Tiu societo estis enskribita, laŭ la „Friendly Societies Act“, sub titolo de *Fosters Employees Ltd.* La membroj estas niaj oficistoj. Fine de ĉiu jaro niaj kalkuloj estas kontrolataj de kalkulista firmo, la bilanco estas farata. De la disponebla saldo unua pago de 5 % sur la kapitalo estas farata. La restaĵo estas konsiderata kiel neta profito, disdonata kiel sekvas:

10 % al la oficista societo por ĝia komuna fondaĵo,
40 % al la oficista societo kiel plibonigo de la oficistaj salajroj,
25 % al la direktoro kiel profito,
25 % por pligrandigi la renton de la kapitalo.

Por klarigi la disdonon de la profitoj ni supozu, ke ĝi unu jaron atingas 18,750 fr. kaj la kapitalo estas 500,000. Ni povos disdoni la profitojn jene:

| | |
|---|---|
| 5 % al la kapitalo . . . . . . . . | fr. 2500 |
| Netaj profitoj . . . . . . . . . | fr. 16250 |
| Oni konsentas meti al la rezerva fondaĵo | „ 3750 |
| 10 % de la saldo (12,500) . . . . . . | „ 1250 |
| 40 % plibonigo de la laboristaj salajroj . . | „ 5000 |
| 25 % profitoj de la direktoro . . . . . | „ 3125 |
| 25 % pligrandigo de la rento . . . . . . | „ 3125 |

Ni fiksis la kondiĉon, ke la laborista parto de la profitoj estu uzata por havigi societajn akciojn. La oficista societo ricevas renton, same kiel ĉiu alia akcia posedanto. La societaj aferoj estas direktataj de laborista komitato kun propra sekretario kaj kasisto. La interkonsento inter la firmo

kaj la oficista societo permesas al la societo posedi $^1/_3$ de la tuta kompania kapitalo, sed ne pli ol. 250,000 fr. La societa akcia posedaĵo estas 19,100 fr.

Tiu sistemo malsimilas la sistemon kun laborista partopreno, kiun ni konsilas, sole per la pago de la akcioj mone. Sed la funkciado estas sama.

Similan provon faris la firmo *Gilbert Bros* en School Lane Nantwich. S-roj Gilbert fratoj kunligis siajn oficistojn en societo nomata *Gilbert brothers Ltd.* Tiu societo faris kun S-roj Gilbert partoprenan akton. La laborista partopreno ekzistas en tiu entrepreno de post 1906 kaj neniam kaŭzis malkontentecon.

Tiuj diversaj ekzemploj montras, ke la sistemo de la akciaj societoj kun laborista partopreno ne estas utopiaĵo. Ĝi povas iom post iom esti enkondukata en la praktikon, kaj senteble helpi al kunlaborado de la kapitalo kaj de la laboro. *M. Génermont* kaj *E. Souchay*.

# SOCIA VIVO

## Tra Firenze

Rapidaj impresoj

II

La okulo alkutimigita al barokaj aŭ gotikaj formoj, ĝuas, rekte, kiam ĝi vagas laŭlonge de la belaj linioj de l'Firenzaj palacoj, kreitaj de l'„Renesanco“. Tiu stilo, celanta harmonian simplecon, ofte atingas mirige la celon. La palaco Pitti, ekzemple, estas grandioza maso ŝtona, kiu unuavide ŝajnas tro primitiva kaj tamen ne estas. Mirinde proporcie aranĝita, ĝiaj ŝtonoj de l'supro al subo pligrandiĝantaj, ĝiaj fenestroj harmonie lokitaj, ĉio ĉi estas rezulto de studo komplika kaj grava por la disvolviĝo de tiu konstrumaniero, kiun oni nomis „Renesanco“.

Sed la artan riĉecon de Firenze enhavas la Galerioj. Tie oni vidas, kion la homa genio povas arte produkti. — Vane estas fari priskribon; eĉ ĉerpante la juvelojn, la listo estus tro longa... En la Galerio Pitti, meze de l'pentraĵoj verkitaj de l'plej gloraj artistoj de la mondo, brilas kiel gemo la „Madonna de la Seggiola“ (Madono de l'Seĝo) de Rafaelo. Kia delikata dolĉeco en la trajtoj! Kaj tamen ĉe tia serena vizaĝo estas ia nedifinita nuanco de petolo, kiu tute ne vekas religiajn pensojn: ŝajnas, ke oni havus antaŭ si portreton de belulino tera... Oni ne povas eliri el la salono ne ree turniĝante al la bildo kaj dirante: ĝis revido!

Belarta Akademio: ekstere, nenio frapanta; interne, peco de marmoro vivanta: la „Davido“ de Michelangelo. Skulptita el bloko mallerte fendita, kaj por aliaj krom Michelangelo, maltaŭga, li sukcesis tamen perfekte. Per la maldekstra mano la heroo svingas ŝtonĵetilon — trankvila li estas — sed varma, nedresebla forto traspiras el liaj ŝtonaj muskoloj streĉitaj: la atako estas nune okazonta: Goliat falos venkita, neevitable.

Kion diri pri la aliaj trezoroj sennombraj, troviĝantaj en la du suprecititaj bildejoj kaj en la „Galleria degli Uffizi“? La tuta aro de eminentuloj preterpasas antaŭ niaj okuloj mirigitaj: Rafaelo, Michelanĝelo, Leonardo, Giorgione, Correggio, Tiziano, Mantegna, Perugino, Botticelli, Rubens, Dürer, Velasquez... kaj kiu plu?

La multenombraj artpecoj dissemitaj tra Firenze, la freskoj en la preĝejoj, la tomboj, la statuoj, la monumentoj, estas kvazaŭ nimbo kronanta la diamantojn.

Arto, gracio, ĉarmo: jen Firenze. Plue, la vivo moderna disvolviĝanta meze de tiom da memoraĵoj malnovaj, tiel ke la urbo aspektas kiel vivanta anakronismo, kaj la simpatia vivmaniero de ĝiaj urbanoj, igas la urbon tiom alloga kaj deloga, ke nur bedaŭre, kvazaŭ ĉagrene, oni ĝin forlasas. Kaj, apenaŭ forlasita, ia stranga nostalgio vin atakas, kaj vi volus haltigi la vagonaron kaj ĝin reenveturigi...

En Arcetri, ĉarma urbeto en la ĉirkaŭaĵo de Firenze, estas la vilao, kie Galileo Galilei pasigis siajn lastajn tagojn: busto kaj enskribo sur la fasado, memorigas la eminentan pioniron de l'scienco. Mizera Galileo! Li, kiu dediĉis sian tutan vivon por elkovri la veron, li, kiu klopodis malfermi la okulojn, de l'mondo blindigita de falsaj teorioj, kiu ĵetis la bazojn por la starigo de l'tuta moderna scienco, forbatante la barojn tiel fortike enradikiĝintajn dum la malluma mezepoko, li devis elporti ĉiuspecajn persekutojn kaj mokojn, devis, minacita, revoki la tezon, kiu estis lia vivo, lia sango, devi nei la veron!... Li neis kaj revokis, sed nur parole, ĉar lia koro vibregis, kaj li volis vivi por prepari la revenkon! Ne kontenta pri la humiligo de l'malforta maljunulo, la inkvizicio lin devigis enfermiĝi dome, kaj plu ne eliri, kaj plu ne esplori! Kiom multe li devis esti suferinta! Li fariĝis blinda! Tiu okulo, kiu iam flugis tra la spacoj interstelaj kaj disŝiris unuafoje ĝiajn vualojn, mallumiĝis por ĉiam kaj taŭgis nur por plori! La universo senlima, kiun li ampleksis per la vasta kaj nobla mentalo, estis por li dumvive kaŝita! Milton, la maljuna kaj blinda angla poeto, lin vizitis en Arcetri, nelonge antaŭ lia morto. — Kion diris al si la du malfeliĉuloj, ne povantaj sin vidi, sed nur aŭdi kaj tuŝi? Certe ne ion allogan por la homaro sendanka!...

Sur monteto, en proksimeco de Firenze, etendiĝas la „Piazzale Michelanĝelo“, placo vasta kaj bela, de kie oni ĝuas nekompareblan vidon sur la tuta urbo. La suno subiranta ĵetas are siajn lastajn radiojn el la truoj malfermiĝantaj en la nuboj multeformaj kaj ruĝkoloraj.

La Arno, kiel rubando sinmovanta, fluadas trankvile, spegulante la kolorojn de l'ĉielo. Firenze kuŝas ĉarme en la subo. La giganta kupolo de S. Maria del Fiore brilas en la lumo ruĝiĝanta, reflektante la adiaŭdirantajn radiojn de l'astro foriranta. La du turoj, de Giotto kaj Palazzo Vecchio, similas al du branĉoj de arbo, el kies burĝono morgaŭ reaperos la Floro[1]....

Tie, antaŭ multaj jarmiloj, etruska kolonio prosperis; poste, la Romanoj alportis sian kulturon; en la mezepoko tiu loko estis scenejo de plej akraj malpacoj; en ĉiuj tempoj, tamen, tiu lando, favorita de l'sorto kaj de la naturo, estis lulilo de l'plej noblaj genioj pri kiuj la homaro povas fieri. Kiel spirita heredanto, Firenze gardas nun ĵaluze la trezorojn al ĝi konfiditajn.

La eklumoj de l'lampoj en la noktiĝanta aero plimultiĝas, sube, en la urbo; la unuaj steloj trembriletas; la ĉielaj fajreroj ŝajnas [illegible] teraj en unu sola brilaĵo fantazia, kvazaŭ montrante apoteoze la ĉielan econ de Firenze...; ario melodia estas portata de ventbloveto ĝis supren, sur la placon.

Ĝis revido, Firenze! Ĉi tie, ĉe vi, el la rememoro de viaj fortaj kaj gloraj filoj, oni ĉerpas forton por iri al gloro... ĝis revido!

*Inĝ. Samblich* (Trieste).

## Senviva urbo

Post duonhoro ni estas per vagonaro el Napolo en Pompejum. Elirinte el la malgranda stacidomo, ni iras kelkcenton da paŝoj tra viva parko — nenie ĝis nun postsigno de tombejo kaj morto — subite nin haltigas gardsoldato, ni pagas kelke da frankoj, ekiras mallongtempe kaj estas en la tombo.

[1] La nomo Firenze devenas el „fiore“ = floro.

Tri, kvar horojn ni bezonas, antaŭ ol ni trairos ĉiujn tombkoridorojn, ĉiujn stratojn. Ni paŝas sur pavimo, devojiĝas el strato en straton, eniras ĝardenojn, en kiuj estas nek arbetaĵoj nek birdetoj, envenas domojn, kie malestas loĝantoj, manĝejojn, kie ne estas gastoj, dormĉambrojn, en kiuj ne troviĝas dormantoj, ni apogas nin je preĝejkolonoj, en kiuj staras nek dioj, nek homoj, ĉirkaŭrigardas la dezertajn kaj mutajn placojn kaj estas ĉi tie nenio, krom ni; nur nia paŝo brusonas tra tiu silento, nur iam fulmrampas preter niaj piedoj, longa, griza lacerto, sed ĝi ne forkuras, ĝi rigardas scivole kaj sentime, kvazaŭ ĝi demandus, kion ĉi tie post unu kaj duono da jarmilo reserĉas homoj.

Kaj alte super ni ĉielo blua, klara, ridetanta, instiganta nur al diboĉa, gaja vivo, kvazaŭ ĝi eĉ ne konus morton!

Ĉie ĉirkaŭe en la regiono la naturo tiel belega, senkulpa, kiel infano en lulilo. Ni staras ĉi tie sur negranda monteto, deveninta iam el lafo.

Dio scias, kio sub tiu monteto estas entombigita! Ĉirkaŭ ni — la ruinoj de granda urbo, la konstruaĵoj preskaŭ ĉiuj estas sentegmentoj, sen plafonoj, kaj kie la viva kamparo limtuŝas la morturbon, aŭ kie ankoraŭ ne estas senŝeligita, ne defosita la morta tavolo, estas tero pli alta ol urbo, kaj sur ĝia supro verdas kampoj, ĝardenoj kaj arbaretoj. Kiu ne scius, ke ĉi tie estas senviva Pompejum, kredus eble eternecon de tiu naturvidaĵo, kaj jen — male — estas arbo eĉ arbetaĵo nur ŝimo, kreskanta sur ruinoj kaj putraĵo.

Ĉirkaŭ dekkvin jaroj antaŭ sia fino Pompejum estis avertita de tiu sama pereiga naturforto. Granda tertremo, kiu preskaŭ trionon de privataj kaj publikaj domoj ruinigis, antaŭanoncis, ke la spirito enkatenigita en Vesuvo revekiĝas. Oni konsideris la vulkanon jam estingiĝinta, tiel ke Spartakus kun sia bando tute en ĝia kratero ekloĝis. Kaj venis la fatala tago de 24 aŭgusto 79-an jaron post Kristo. La pompejanoj kunvenadis en sia amfiteatro, por amuziĝi per leon- kaj gladiatorbatalado. La ludoj ne estis afiŝitaj kiel alitempe: „qua dies patietur“ — se permesos la tagvetero — sed estis promesite, ke ili estos „sine ulla dilatione“ — ĉiuokaze aranĝataj.

Estis laŭ nia tempkalkulo, kiel Plinius la plijuna diras, posttagmeze unua horo, kiam subite super Vesuvo aperis nubego, „plej similanta pinion“, maldika kiel trunko, elkreskanta el vulkano, supre larĝe disetendita. La nubego rapide larĝiĝis. Neatendite vualita estis la ĉielo tiel, ke ĝi similis nigregan tabulegon. Mallumo densiĝis en nokton, nur la vulkanfulmoj vipis la aeron. Samtempe aŭdiĝis elsputo. Dum kriegantaj tondroj elverŝiĝis kaj elsputiĝis superpotenca fluego da arda lafo kaj rapidis al Herkulanum, senmezuraj nuboj deflugis sur la regionon, polvonubegoj, pluvinundo kaj ŝtonhajlado batogis en Pompejum. Komenciĝis terura spektaklo kaj forkurado. Verŝajne tre malmulte da homoj konserviĝis. Da forbruligitaj homaj skeletoj troviĝas ĉie amasoj. La plimulto pereis en la ŝtonpluvo, aŭ sufokiĝis de sulfureca malbonodoro, faladanta polvo ilin ĉirkaŭis, fariĝis ilia ĉerko, kaj ĝis nun ni vidas tiun pereigitan korpon kaj rigardas ĝian agonion en lasta momento. Multaj pereis, serĉante rifuĝejon en domoj kaj keloj, falantaj ruinoj ilin tie plenfermis, sulfuro sufokis aŭ malsato neniigis. La pli granda parto mortis dum forkuro, homoj kaj bestoj estas pereigitaj unu apud la alia. Ni vidas en domo de Diomedos tombon de dekok kadavroj, virinoj kaj knabinoj, kiuj mortis, apoginte sin je la muro kaj vualinte sian vizaĝon; kaj ĉe la domelirejo pereis la dommastro eĉ kun sia sklavo. Ni vidas fortkreskajn virojn, kiuj sin defendis kontraŭ morto senespere kaj konvulsie ŝiris sian veston. Ne malproksime denove knabinon, proksimume dekkvarjaran, kiu sindone kuŝiĝis teren kaj sub kapo kunplektis la manojn. Alia viro penis per hakilo trafendi la muron kaj falis; virino ornamita per juveloj klopodis per malfortaj manoj malakceli terenfalon de plafono kaj estis disrompita. En unu domo oni trovis tridek tri skeletojn. Ĉie estas trovitaj restaĵoj de nutraĵoj kaj komencitaj laboroj, la sorto trafis la vivon jus plene fluantan.

Samtempa tertremo rompis kolonojn, kaj ilia falego mortigis homojn. Sur loko, kie oni aranĝadis festenojn por mortintoj, trovita estis tuta societo de geparencoj; ili festis kontraŭvole ankaŭ sian lastan festenon. Tri terurajn tagojn kaj noktojn daŭris tiu diabla uragano kaj dezertigo, kaj kiam fine la suno retrairis nubaron, estis Pompejum, ja estis kvin urboj enterigitaj kaj tombigitaj je pli ol unu kaj duono da jarcento.

Kiom gajan kaj belegan vivon oni eble ĝuis ĉi tie en tiu milda paradizo! „Hic habitat felicitas“ skribite estas sur unu loko, sed povis troviĝi en ĉiuj stratoj, kaj en ĉiuj domoj la fiera: Ĉi tie loĝas la feliĉo.“ En Pompejum estis neniu tiom malriĉa, por ke li ne havu ion por manĝi, kie dormi kaj ion por vestiĝi. Por ĉiu estis ĉi tie la banejo, kiun oni povis viziti ĉiutage, eĉ la teatro estis senpaga; kaj post kiam la almozulo mortis, li ricevis ankaŭ sian propran „ollu“ niĉon, en kiun oni starigis urnon kun lia cindro. Pli riĉaj invitadis pli malriĉajn al siaj tagmanĝoj kaj plej riĉaj aranĝadis al ĉiuj ceteraj amfiteatrajn prezentaĵojn. „Kiu min ne invitas al tagmanĝo estas barbaro“ — „Sanu, kiu min vokas al sia tablo“ kaj simile skribite estis sur publikejoj, por instigi tiujn, kiuj ion posedis.

Pompejum estis riĉa. Ĝi staris super ŝipirebla Sarno, havis belan marhavenon kaj komercon tre profitdonan ĝis Afriko kondukantan. Ĉi tien iradis Romaj riĉuloj je ripozo, ĉi tie ekloĝadis la monhavaj vendistoj egiptaj kaj mondfamaj, grekaj artistoj. Parva Romæ imago![1] Kvazaŭ konstante ĉi tie loĝus gaja spirito, kaj se vi paŝadus tra stratoj, eĉ tiuj duonfaligitaj muroj ridetas je vi. Kompreneble, altvalorajn arkitekturaĵojn vi en strato ne ekvidos, belega dominterno pli valoris ĉe Pompejanoj, ol ĝia eksteraĵo; sed tamen estas ĝis nun ĝojige promeni tra tiuj stratoj. Ili estas ŝnurrektaj kaj egalangule sin trairas. Altigitaj trotuaroj laŭiras ambaŭ stratflankojn, iafoje metitaj estas en veturvojon grandaj ŝtonblokoj, por faciligi transiron dum pluvvetero. Kaj tiuj ŝtonoj estas kuŝigitaj en la krudan, preskaŭ rokecan pavimon tiel, ke la veturilo ne estu malhelpata, sed pli ol unu durada ĉaro pro malvarmeto ne povis traveturi la pli grandan parton da stratoj iom malvastaj. Da vojkruciĝoj estis tre malmulte, kaj se estis veturigisto veturonta en straton, li bastonfrapis metaltabulon; la sono avertis la veturilojn kontraŭvenantajn. La muroj preskaŭ ĉiuj estas kolorigitaj, ordinare ruĝe kaj post tiom da jarcentoj la koloro ĝis nun ne difektiĝis. Domenirejoj estas iam ornamitaj per luksa fasado, eĉ per kolonaro. Antaŭ kelkaj estas ĝis nun ŝtonbenko, sur kiu sidadis la loĝantoj, por amuziĝi per stratvivo. Sur sennombraj lokoj ni vidas restaĵojn de butikoj kaj gastejoj. Ĉi tie ni ankoraŭ rigardas la ferrondon, al kiu oni alligis sian ĉevalon, kaj interne masonitajn sidilojn kaj surflanke popoldirojn kaj simbolojn de tiuj, kiuj ĉi tie sidadis kaj trinkis „caldam“ fluidaĵon kuiritan el akvo, vino kaj mielo. Ĉiumomente ni venas al iu publika fontano aŭ simpla, publika altaro, aŭ almenaŭ al korigitaj unu kontraŭ la alia rampantaj serpentoj — bildo de „lar“ aŭ koboldoj.

En elfosita Pompejum ni trovas nur ĝustan imagon pri tio, kiel aspektis malnovepoka domo civitana. La spaco, sur kiu domo staris, estis ĉirkaŭita de kvar ne desur tero transrigardeblaj muroj, en kies unu estis farita enirejo; belan fasadon oni tre malmulte atentis, preskaŭ neniam, eĉ dompordo (escepte unu okazo en tuta urbo) malfermiĝadis ne-

[1] Bildeto de Roma.

straten, sed internen. La stratfenestroj tute ne ekzistis, krom supre en la unua etaĝo, kie loĝis la luantoj. Mezriĉa Pompejano estis koncerne loĝejluksemon tamen nenia Anglo; la urbo havis multe da vendistoj, kaj se la domsinjoro povis, li tre volonte luigis teretaĝan butikon kaj en unua etaĝo ian loĝejon.

*Jan Neruda.*

Trad. *Karlo Len.*

## Flagoj kaj flaguzado

Ĉie, kie flago flirtas, ĝi estas signo de aparta aro da homoj, interligitaj per klare aŭ malklare sentata komuneco, kies simbolo la flago estas. Se oni venis en fremdan landon, kaj tie subite ekvidas siajn hejmajn kolorojn, oni certe ne restas indiferenta. Ies flago ĉiam estas tiu, kiu havas la tradiciajn aŭ interkonsentitajn naciajn kolorojn laŭ difinita aranĝo. Al ni Esperantistoj egala je ideala valoro al nacia flago estas la kvinpinta verda stelo. Kolektiga kaj festokaza signo estas la verda flago kun verda stelo sur blanka kvadrato. Tie, kie ni vidas Esperanto-flagon, ni ne sentas nin kiel fremduloj — ne kiel izoluloj.

La Esperanto-flago la unuan fojon publike flirtis en Boulogne-sur-Mer 1905, kaj nun ĝi troviĝas en ĉiuj regionoj de la mondo. Nenia leĝo konfirmis ĝian modelon, sed la Esperantistoj ĝenerale konscias, ke la flago, por taŭgi kiel komuna signo, devas — kiel nia lingvo mem — esti ĉie la sama. Nur iu bonintenca negocejo en Leipzig permesis al si fabriki kaj disvendi flagetojn (cetere belajn kaj bonkvalitajn) kun verda stelo sur blanka rondo meze de la tuko. Germanujo havas efektivan ĥaoson de naciaj flagoj, kaj do oni ne devas tro miri, se oni tie volas doni al la Esperantista mondo saman gajan diversecon, kiun oni mem ĝuas. En anoncoj kaj katalogoj oni ankaŭ trovas bildon de insigno, konsistanta el blanka emajlflago kun malgranda stelpunkteto super la vorto Esperanto. Tiu ĉi insigno eble ne estas rekomendinda. Efektive ekzistanta diferenco inter Esperanto-flagoj cetere estas, ke multaj havas sur la stelo blankan literon **E**, dum tiu litero pro praktikaj kaŭzoj ne troviĝas en aliaj flagoj. Tiu ĉi diferenco estas pravigebla, kaj ĝi ne ŝajnas tre grava.

La internacia kutimo difinis tre precizajn regulojn por la uzado de la naciaj flagoj, precipe sur ŝipoj. Tiu ĉi regularo estas je aplikeblaj punktoj obeata ankaŭ surlande, kaj la estimo por nia Esperanto-flago postulas, ke ni ankaŭ por ĝi obeu la plej multajn el la ĝeneralaj reguloj por flagado.

Flagon oni „hisas“ [1] je la 8ª matene, kaj oni malsuprentiras ĝin ĉe la subiro de la suno aŭ, plej malfrue, je la 9ª vespere. Restigi flagon „hisita“ dum la nokto estas maldece. Ĉe mortokazo kaj ĉe entombigo oni hisas la flagon nur ĝis duona alteco de la flagstango. Flago tiel hisita al duona alteco simbolas funebron, sed post la fino de entombigo la flago devas esti hisata ĝis la stangpinto, kaj resti tiel ĝis la vespero je la honoro de la entombigito. Tio ĉi estas laŭ neskribita leĝo, kiun oni bone konas en havenurboj, sed kontraŭ kiu oni enlande faras multe da krimoj pro malscio.

Por saluti per flago, oni unufoje plene malsuprentiras ĝin, kaj post tio oni tuj re-hisas ĝin al la stangpinto. Tia estas la kutimo sur la maro. Enlande oni trovas iam la kutimon ripeti la salutmanovron trifoje, sed tiu ĉi longedaŭra ceremonio ŝajnas malpli plaĉa ol la marista simpla saluto.

Se oni hisus du naciajn flagojn unu sub la alia sur sama flagstanga ŝnuro, tio estus ofenda laŭ internacia percepto. Se oni tamen ĉe iu okazo devas hisi du naciajn flagojn sur unu stango, oni devas alligi ilin samnivele. Rilate al la Esperanto-flago oni eble rajtas fari escepton al tiu ĉi regulo, kondiĉe, ke la Esperanto-flago estas nur malgranda tuko, uzata kiel konigilo. En la gazeto „Tra la Mondo“ troviĝis ilustraĵo, montranta francajn fiŝistboatojn, kiuj portis malgrandajn Esperanto-flagojn sub la trikoloraj naciaj flagoj.

Oni devas atenti, kiam oni uzas flagojn por ornamado, ke naciaj flagoj kaj ankaŭ la Esperanto-flago devas okupi indan lokon. Preferinde estas, se ili pendas libere, kaj ĉiaokaze ili devas esti tiel aranĝitaj, ke ili ne perdu la karakteron de flagoj. Malaprobeble estas uzi ilin kiel kurtenojn k. t. p., kaj uzi ilin por tegi benkojn aŭ seĝojn eĉ estas maldece. Signalflagoj tamen estas uzeblaj pli laŭvole, ĉar ili ne havas la simbolan karakteron de ĝeneralaj flagoj.

Kiam flago ne estas hisita, ĝi devas esti zorge kunfaldita (standardo kunvolvita) kaj konservata ŝirme de polvo, malsekeco kaj malpuraĵo. Esperantisto volas ja en sia ĉambro se eble havi Esperanto-flagon ĉiam videblan, sed por tio oni uzu malgrandan silkan flagon, ekzemple tian, kian oni ricevas el S-Etienne. Se oni posedas pli grandan flagon, ĝi ne devas konstante pendi kiel ornamo en privata ĉambro. Oni devas rezervi ĝin por festaj okazoj. Kiam flago jam ne estas pura kun brilaj koloroj, oni devas detrui ĝin — neniigi ĝin — se oni ne volas pro ia kaŭzo konservi ĝin kiel relikon. Plej rekomendinde estas bruligi ĝin, por ke oni ne vidu ĝin uzatan por kia ajn celo.

*Jln.*

[1] *Hisi*, suprenlevi per ŝnuro (Enciklopedia Vortareto de Verax).

## Panama kanalo

I

Komence de la estonta jaro navigados la unuaj atlantikaj vaporŝipoj tra Panama kanalo. La signifo de ĉi tiu fakto vidiĝas plej bone el tio, ke la historio de la ideo pri trafoso de Panama istmo komenciĝas 25 jarojn post la malkovro de Ameriko de Kolumbus, kaj ke ĉe Panama kanalo estas efektivigata ideo konceptita jam antaŭ kvar jarcentoj. Hispana inĝeniero Saavedra jam en 1517 parolas al la hispana reĝo pri oportunaĵoj de trafoso de istmoj kaj nur mezepoka neperfekta tekniko faris el la ideo de la hispana inĝeniero utopion tiam neefektivigeblan. Post eltrovo de vapormaŝino multnombraj aventuristoj, ja eĉ tutaj nacioj provis senrezulte efektivigon de ĉi tiu revo de Gœthe. Hispanoj, portugaloj, Angloj kaj Francoj malsukcesis ĉe diversaj provoj pro teknikaj, financaj, klimataj kaj precipe politikaj malhelpoj de projektoj.

Gœthe antaŭdiris jam antaŭ 100 jaroj, ke Amerikanoj efektivigos la ideon kaj lia antaŭdiro plenumiĝis tiagrade, ke la trafoso de Panama istmo fariĝis por ili politika necesaĵo de unua rango kaj nur pro tio eĉ baldaŭ realeco.

Imperialista politiko de Amerikanoj post la hispanamerika milito havis danĝeran malamikon en kreskanta Japanujo, kies eventuala milita atako trovus sur proksima Filipina insularo danĝeran operacibazon. Sed kontraŭjapana politiko de Ameriko rilatanta al enmigrado faris eblecon de milito kun Japanoj versimila kaj tial mallongigo de navigodistanco el Novjorko al San Francisko, al Filipina insularo kaj Japanujo fariĝis por Usonanoj vivdemando. Pro ĉi tiu politikaĵo Amerikanoj aĉetis per bagatela sumo de 200 milionoj da frankoj la ekskluzivan rajton al trafoso de kanalo de la dua franca societo Panama.

Malhelpojn, kiujn al ili faris Kolumbia respubliko ili facile forigis. Ili subtenis revoluciajn tendencojn en Panama provinco kaj iniciatis tiamaniere renverson, per kiu estis akirita ŝtata sendependeco de la provinco.

La nova respubliko fordonis al Unuiĝintaj Ŝtatoj por $50^1/_2$ milionoj terzonon necesan al trafoso de istmo, larĝa

16 km kaj longa 83 km. Tiel la Amerikanoj fariĝis absolutaj terposedantoj kaj solvantoj de tasko, por kiu jam tiom da mono kaj homoj estis oferitaj, ke tie fariĝis proverbo, ke sub ĉiu apogŝtipo de Panama fervojo (konstruita en 1855) kuŝas unu mortinto.

La unua societo franca sub gvido de Lesseps postlasis ĉi tie 150 milionojn kaj tutan homarmeon, ĉar la regiono de la Panama istmo apartenas al plej teruraj distriktoj infektoplenaj je febromalsano. Teknike plej malfacila tasko estis malfavorata per ĉi tiu problemo klimata, kaj se ne estus la suprecitita politika motivo, eble neniu nacio ĝis nun estus sukcesinta en ĉi tiu entrepreno kaj malaperigus tiajn malhelpojn.

La konstruado de l' kanalo estis komisiita al ministerio de *milito*, kies inĝenieroj estis de malnova tempo elpruvitaj organizantoj. De post 1904—1907, dum $2^1/_2$ jaroj estis esplorataj la kondiĉoj pri rapida efektivigo de la tuta entrepreno. El ambaŭ urboj, inter kiuj estis projektita la kanalo, el Panama kaj Colón, kaj kiuj estis plej teruraj nestaĉoj de febromalsano, fariĝis urboj sanaj. Flava febromalsano estis el la ĉirkaŭaĵo de la kanalo tute ekstermita, malario fariĝis malofta aperaĵo en ĉi tiuj tropikaj regionoj. Tiujn rezultatojn oni atingis per sukcesplena ekstermado de moskitoj, kiuj unuavice disvastigadis malarion kaj dum longa tempo restis nekonataj.

Dum 1905 prezidanto Roosevelt kunvokis internacian teknikistan konsilantaron, kiu estis decidonta pri la plej konvena kanalsistemo. La pli frua projekto de Lesseps solvis la demandon per simpla kunligo de ambaŭ marniveloj per kanalo kun egalalta nivelo. Novaj projektoj proponis pli vastan kanalon kun akvorezervujoj. La internacia konsilantaro decidiĝis por kanalo kun egalalta nivelo, sed la Usona registaro akceptis sistemon kun akvorezervujoj. En 1906 la projekto estis konfirmita kaj de post tiu tempo daŭras la konstruado; kun preparoj ĝi entute daŭros 9 ĝis 11 jarojn.

*(Daŭrigota.)* Trad.[1] *Rakato L-v.* (Innsbruck).

**KOREKTO.** — En N-ro 154 (paĝ. 285), ni publikigis sub la titolo „La mistero de Sfinkso" artikolon pri eltrovaĵoj faritaj de la konata Egiptologo Reisner. Tiu artikolo aperis en multaj gravaj britaj kaj alilandaj gazetoj, el kiuj ĝi estis tradukita. Rezultas nun el enketo farita ĉe la British Museum, ke tiu artikolo enhavas nenian veran fundamenton kaj ke ĝi estas verkita de malamikoj nur por diskreditigi Egiptologon Reisner. Ĉar la dirita artikolo aperis en multaj gazetoj pli gravaj ol *Esperanto*, nia respondeco estas malgranda. La justeco tamen postulas tiun korekton, kiun certe . . . ne faros la plimultaj ĉiutagaj gazetoj publikigintaj tiun informon.

*(Red.)*

# ❃ NOTOJ ❃

∴ **Sumigado de la steloj.** — La sumigado de steloj komencita antaŭ du jaroj en reĝa stelobservejo Greenwich estas baldaŭ finiĝonta. Ĝi fariĝis per fotografado. Entute estos fotografitaj 53 milionoj steloj. Sur ĉiu fotografaĵo troviĝas 60.000 ĝis 800.000 steloj. Ĝis nun la observejo de Greenwich prilaboris 606 fotografaĵojn. Fotoĥromataj instrumentoj bezonitaj havas ĥromatajn lentojn en diametro de dek coloj. Per ĉi tiuj aparatoj estas fotografeblaj ankoraŭ steloj de 16ª kaj 17ª grandeco. Du spertaj astronomoj bezonas 14 tagojn por la stelsumigo per mikroskopo sur unu fotografaĵo. Al la sumigado, kiu estas tre malfacila kaj bezonas neordinarajn kapablojn kaj sperton, la astronomoj devis ekzerciĝi. La okulo de la astronomo devas alkutimiĝi al ĉi tiu laboro. Astronomo, kiu sur iu fotografaĵo kalkulis 80.000 stelojn, post dumonata ekzerciĝo sur la sama kalkulis 100.000. Lia okulo alkutimiĝis al tiu ĉi laboro kaj vidis pli precize. Estas mirige, ke sur kelkcentoj proporcie malgrandaj fotografaĵoj estas pli ol 53 milionoj da aliaj mondoj. — *O. V. B.*

[1] El „*Narodni Obzor*".

∴ **Komerca ŝiparo de l'mondo.** — La suba tabelo montras la tunnombron de la komercaj ŝiparoj de ĉiuj landoj. La ciferoj — per milionoj da tunoj — komparas la situacion de la ŝiparoj en 1910 kaj 1911 (1 tuno estas internacia komerca unuo, kiu valoras 2.830 m³):

| Lando | 1910 | 1911 |
|---|---|---|
| Britujo | 17.873 | 18.214 |
| Usono | 5.158 | 5.258 |
| Germanujo | 4.467 | 4.629 |
| Norvegujo | 2.154 | 2.293 |
| Francujo | 1.997 | 2.053 |
| Italujo | 1.341 | 1.399 |
| Japanujo | 1.203 | 1.345 |
| Nederlando | 1.058 | 1.130 |
| Svedujo | 931 | 970 |
| Rusujo | 895 | 937 |
| Aŭstrio-Hungario | 846 | 903 |
| Hispanujo | 776 | 772 |
| Danujo | 753 | 758 |

∴ **Statistiko pri fervojaj akcidentoj.** — La nombro de l'mortigitoj aŭ vunditoj pro fervojaj akcidentoj estas laŭ la landoj:

| | | |
|---|---|---|
| Usono | 13,05 | por 1.000 vojaĝantoj |
| Britlando | 2,63 | |
| Aŭstrio-Hungario | 1,96 | |
| Franclando | 1,05 | |
| Germanlando | 0,47 | |

∴ **La Sinjorino de la Lago en Londono.** — Estas en Londono virino nomita de kelkaj el la junaj gevizitantoj al la publika parko de Brockwell, „La Sinjorino de la Lago". Ŝia oficiala titolo tamen estas „La Sinjorino de la premomaŝino". Difinita de la Konsilantaro de Londono, ŝia devo estas sendi hejmen dece kaj seke vestitaj, la malfeliĉajn infanojn, kiuj ĉiutage renverse falas en la akvon de la lago en la parko kaj kiuj bezonas ŝian zorgon por malhelpi malvarmumon.

Dum kelkaj horoj la infanoj estas permesataj baniĝi en la lago, kies profundo varias de du ĝis sep futoj, sed ordinare estas post la foriro de la naĝintoj kaj kiam vidiĝas sur la supraĵo multe da ludboatoj, ke la „Sinjorino de la premomaŝino" plej multe okupiĝas.

Dekduoj da infanoj jam ŝuldas al ŝi dankegon, kune kun la gepatroj, samtempe pro la fakto, ke la maŝino provizita posedas kaŭĉukajn rulilojn kaj kompateme ne rompas la butonojn. La Konsilantaro de Londono gajnas la specialan dankemon de la patrinoj. De la naŭa matene ĝis la oka vespere oni konservas grandan fajron en la sidejo de la „Sinjorino de la premomaŝino" konstruaĵo zorgeme kaŝita en la „Malnova Ĝardeno". Alveninte ĉiu malgranda aventurinto malseke gutanta estas rapide senvestigita kaj envolvigita en lana litkovrilo ĝis kiam la malseka vestaro estos bone premita kaj tute sekigita. La sinjorino diras, ke tre ofte la kompatindaj infanoj estas tro timigitaj paroli, kiam ili kvazaŭ fiŝoj estas eltiritaj el la akvo de la gardistoj de la parko kaj portataj al ŝi. Nature kiam la lernejoj estas fermataj dum la libertempo, la sinjorino estas tre okupata. La gardistoj havas longan bambustangon kun hoko je la fino por eltirilo, kaj estas necese, ke ili povu rapide kuri; kelkfoje okazas, ke la infanoj estas neatingeblaj per la stangoj, kaj tiam la gardisto devas ensalti en la akvon por ili savi. — *A. D. Peck* (Del. Croydon).



**Esperantianoj,**

**Repagu vian kotizaĵon por 1914!**

**Varbu novajn Esperantianojn kaj Esperantiajn Entreprenojn!**

**Kolektu anoncojn por nia Jarlibro!**



# Bileto de blankbarbulo

## Ne celo, sed ilo

e celo estas la lingvo, sed ilo.

*Se ĝin ni konsideras kiel celon, fatale ni perdos nian forton kaj tempon en senfrukta, senkuraĝiga kritiko kaj en la vana serĉado de pli malpli dubaj plibonigoj. Ĝi restas kaj ĉiam restos senviva artefaritaĵo.*

*Se, male, ĝi estas ilo, tute „nature“ ni uzas ĝin por esprimi niajn bezonojn, niajn sentojn, niajn pasiojn, niajn ideojn. Ĝi fariĝas vivantaĵo.*

*La unuaj homaj societoj kreis lingvon nur, ĉar ili havis interrilatojn, komunajn „bezonojn“, unue pure materialajn, poste — longe poste — ankaŭ spiritajn; ĉar ili devis sin nutri; ĉar ili amis.*

*La bezono kreis do la lingvon, kiu per si mem, por si mem ne ekzistas.*

*Nur pro tio, tial ke ĉe D-ro Zamenhof la esprimo kaj efektivigo de potenca interna ideo estis neforigebla, ne venkebla bezono, li kreis al si la necesan ilon: sian internacian lingvon.*

*Tute malprave oni lin sekve riproĉus, ke li kunligis intime la du aferojn aŭ pli ĝustedire faris de unu la simplan servanton de la alia, ĉar tiamaniere kaj nur tiamaniere el celo li povis fari ĝin ilo, kaj al ĝi donis la „vivon“.*

*Sed, ĉu tio signifas, ke por ni ankaŭ, por ni ĉiuj, kiuj uzas Esperanton, la lingvo kaj la Zamenhofa interna ideo devas kvazaŭ kunfandiĝi? Ĉu estus veraj Esperantistoj sole tiuj, kiuj akceptas ankaŭ la religian, filozofian, socian idealon de l'Majstro, dum la ceteraj estus nur duonesperantistoj?*

*Certe ne! kaj tre klare D-ro Zamenhof mem esprimis sian opinion pri tiu ĉi punkto en la* Deklaracio, *kiam li skribis: „Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto,* tute egale, *por kiaj celoj li ĝin uzas.“*

*Kaj efektive ju pli multnombraj estos la homoj, kiuj uzas Esperanton, des pli multnombraj, diversaj kaj eĉ kontraŭaj fariĝos iliaj bezonoj kaj celoj.*

*Neniu plendu pri tio, ĉar ĉio tio ĉi estas nur por la lingvo nova fonto de vivo, de plena kaj senhalta kreskado, de tutmonda kaj tutklasa disvastiĝo.*

*Malmulte utilus la lingvo al amo, al justo, al vero, se ĝi ne povus utili samtempe al iliaj maloj.*

*La ĉefa afero estas, ke ni ne vidu en ĝi ian filologian ludilon, sed ke ni uzu ĝin por esprimi bezonojn kaj ideojn.*

*Kaj se tiel estas, nenion povos kontraŭ ĝi la subtileco de la teoriistoj.*

Th. Cart.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Besançon* (Franc.) — Post sukcesplena publika parolado de S-ro E. Privat fondiĝis grupo kun 60 anoj. — R. B.

*Buenos-Aires* (Arĝentino). — La 1 oktobro estas fondita la „Centro Esperantista de Buenos Aires“; sidejo: str. San Juan 782; prezidanto: F. H. Ruprecht; vicprezidanto: G. H. Brown; sekretarioj: A. Villafranca, F. Sabaté, F. Green; kasisto: D. Enrich. — M.

*Petrozsény* (Hungar.). — La 17 oktobro fondiĝis „Esp. Grupo de Petrozsény“. — L. J.

*Rotterdam* (Nederlando). — La 26 oktobro estas starigita „Ligo de Nederlandaj Fervojistoj“, celanta la progresadon de Esp. inter la fervojistoj nederlandaj. Travojaĝantaj aŭ vizitantaj fervojistoj alilandaj bonvolu konigi sian alvenon al S-ro H. Haenen, ĉefkonduktoro, Del. en Boxtel.

**Novaj kursoj.** — *Antwerpen* (Belg.) — La federacio de la lokaj grupoj malfermis 5 Esp. kursojn. La urba konsilantaro donis senpage ĉambrojn en urbaj lernejoj kaj subtenon de 600 fr., tiu de Borgerouth (antaŭurbo) 75 fr.

*Aŝhabad* (Azia Rus.) — Novaj kursoj komenciĝis sub gvidado de S-ro N. Starosjelskij. — N. S.

*Brno* (Aŭstrio). — S-ro A. Konečny gvidas kurson kun 30 anoj. — A. V.

*Cienfuegos* (Kubo). — Okazas du kursoj gvidataj de S-ro A. M. Oliva. — O.

*Deva* (Hungarujo). — Post propaganda parolado de S-ro D-ro A. Vegh, Del. en Arad, malfermiĝis nova kurso gvidata de S-ro Fodor Schultz Serafino. — A. V.

*Dresden* (German.). — En la Esperanto-hejmo malfermiĝis nova kurso por komencantoj sub gvidado de S-ro Karsch. — J. K.

*Gummersbach* (German.). — S-ro Rüdig malfermis la 24 oktobro kurson kun 8 anoj. — S.

*Hodolany* (Aŭstrio). — Senpagan kurson por laboristoj komencis S-ro Zapletal la 18 oktobro; partoprenas 18 personoj. — K.

*Leipzig* (German.). — Al la ĉi tiu-jara kurso de la Esp. Unuiĝo de Magistratoficistoj 18 oficistoj anoncis sian partoprenon. La kurso estas gvidata de S-ro Rœssel kaj komenciĝis la 21 oktobro post parolado de S-ro Kühn, prezidanto de la Unuiĝo. — E. U. M.

*Novosady* (Aŭstrio). — La 14 oktobro senpaga kurso kun 15 anoj komenciĝis sub gvidado de S-ro Kudela. — K.

*Olomouc* (Aŭstrio). — La 1 novembro kurso gvidata de S-ro Peter komenciĝis. — K.

*Petrozsény* (Hungar.). — La unua Esp. kurso kun 45 anoj estas malfermita; instruas S-ro L. Jambor, Del. — L. J.

*Reutlingen* (German.). — Post sukcesa parolado de S-ro Christaller el Stuttgart komenciĝis kurso kun 20 lernantoj; instruanto estas S-ro Götz, Del. — G.

*Terni* (Ital.). — Malfermiĝis kurso por viroj gvidata de S-ro G. Ferri kaj alia por virinoj sub gvidado de F-ino C. Caporali. — G. F.

*V-Hunyad* (Hungar.). — Nova kurso komenciĝis sekve de propaganda parolado de S-ro D-ro A. Vegh, Del. en Arad. La kurson gvidas S-ro Fodor Aladar. — A. V.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Brno* (Aŭstrio). — La 12 oktobro Bohema Klubo Esp. aranĝis ekspozicion de poŝtkartoj,

gazetoj, libroj k. t. p.; la ekspozicion vizitis ĉirkaŭ 300 personoj. — A. V.

*Dresden* (German.). — En la hejmo de Societo Esperanto Dresden, Pirnaische Str. 50 II, kiu estu rekomendata al ĉiu Dresdenon vizitanta samideano, okazis la 25 oktobro societa vespero, kiu tre bone sukcesis. Sub gvidado de S-ro Dir. Kreidl estis prezentataj plej diversaj artaj kaj humoraj kantoj, deklamoj k.t.p., tiel ke ĉiuj ĉeestantoj bonege amuziĝis. Je l'fino Ges-roj Schwarz, kiuj nun gaste ĉeestas la Dresdenan Centroteatron, vizitis la kunvenon kaj aktive partoprenis en la amuzado. Riĉa malvarma bufedo estis multe okupata en la paŭzoj, kaj inter la ĉeestantoj estis nur unu voĉo pri la agrableco de la hejmo. — En la monata kunveno de Societo Esperanto Dresden oni priparolis inter alie la partoprenon en la aranĝo de Esperanto-pavilono sur la Librometia ekspozicio en Leipzig 1914, kiun oni varme rekomendis. S-ro Ranft raportis pri sia libertempa vojaĝo al Danujo kaj Sudsvedujo, en kiu li ofte uzis kun bona sukceso la servojn de la UEA-Delegitoj. — La fondiĝfesto de Societo Esperanto Dresden okazos la 1 februaro 1914 en la granda salono de „Vereinshaus". La preparoj por la festo jam komenciĝis kaj promesas brilan sukceson. — Okaze de la baptofesto de la filo de S-ro v. Frenckell S-ro pastro Kühn, konata pro sia prediko en la Dresdena Krucpreĝejo dum la 4-a, uzis la Esperantan eldonon de la Nova Testamento. — En Centroteatro S-roj Schwarz, la fondintoj de Varietea Esperanto-Ligo, aranĝis la 27 oktobro specialan Esp. prezentadon. En ĝi ĉiuj artistoj iel rilatigis siajn prezentajojn al Esperanto, kio vekis multan aplaŭdon ĉe la ĉeestantaj Esperantistoj kaj grandan intereson por nia afero ĉe la neesperantistaj gastoj. Societo Esperanto Dresden transdonigis al S-roj Schwarz grandan laŭrokronon.

*Lodz* (Rus.). — La 22 oktobro okazis vespera festo, aranĝita de la Esp. Societo. Okazis paroladoj de S-roj A. Bialocerkievski, Del. en Konstantinov, pri UEA, S. Ŝulc pri la Naŭa Kongreso, pri la IIa periodo de nia lingvo, J. Ŝapiro pri la vivo de S-ro Bourlet. Poste F-ino E. Heppner prezentis belajn esp. deklamojn. La festo havis grandan sukceson. — J. Ŝ.

**Paroladoj.** — *Béziers* (Franc.). La 31 oktobro, sub la prezido de S-ro Fizé, fondinto de „Tra la Filatelio", okazis publika parolado de S-ro Krestanof pri Balkanoj.

*Bordeaux* (Franc.). — La 29 oktobro nia konata bulgara samideano S-ro Krestanof faris tre interesan paroladon pri la Balkanaj landoj kaj la milito. Ĉeestis multaj altrangaj personoj, inter kiuj S-ro leŭtenanto-kolonelo Barrano k. a. Prezidis S-ro Ryckmans. Post la fino sekvis gaja kantado en Esperanto.

*Bourg* (Franc.). — La 6 oktobro vespere okazis en la grupa kunvenejo (Instituto Carriat) parolado aferoj de S-ro I. H. Krestanof pri la Balkanaj, sub la prezido de l'grupo.

*Dresden* (German.). — Dum la decembra monata kunveno, okazonta la 9 decembro, estos farata lumbildparolado pri „Paris, la urbo de la Deka". Ĝi celas jam nun konatigi la estontjaran kongresurbon kaj varbi por la vizito de la Deka.

*Graz* (Aŭstrio). — La 8 oktobro S-ro Pettera, Del., parolis en la Stiria Societo Esperantista pri celoj kaj servoj de UEA. — K. G.

*Lagny* (Franc.). — La 16 oktobro okazis parolado de S-ro Cl. Colas, organizita de la „Association Polytechnique de Lagny", kiu dank'al la klopodoj de F-ino Levasseur bonvolis atentigi sian publikon al nia afero. La parolado estis ilustrita per multnombraj lumbildoj. Ĉeestis ankaŭ Ges-roj Pujula, kaj laŭ peto de S-ro Colas S-ro Pujula parolis Esp. al la publiko, kaj lia edzino prezentis ekzemplon de la belsoneco de Esp. per legado de versajo. — L.

*La Rochelle.* — La 27 oktobro S-ro Krestanof paroladis pri la Balkanaj landoj en la ĉambrego de la Societo de Komerco kaj Industrio. Prezidis nia malnova samideano kaj lingvokomitatano S-ro Sam. Meyer, prezidanto de l'grupo. La lokaj ĵurnaloj tre favore raportis.

*Marseille* (Franc.). — La 3 novembro parolado de S-ro Krestanof pri „La Balkanaj ŝtatoj" en la granda ĉambrego de la Esp. Grupo sub la prezido de S-ro Boell, prezidanto de l'grupo. Resumis france S-ro Verlaque, instruisto. Ĉeestis ankaŭ ĵurnalistoj.

*Toulouse* (Franc.). — La 30 oktobro okazis publika parolado pri la Balkanoj de S-ro Iv. Krestanof el Bulgarujo. Prezidis kaj resumis france S-ro Chalot, advokato.

*Villach* (Aŭstrio). — S-ro Homer faris propagandan paroladon; la lokaj gazetoj favore raportis.

## DEKA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 2-10 aŭgusto 1914**

Por ke la „Deka" bone sukcesu, estas nepre necese, ke la Organiza Komitato sciiĝu, kiel eble plej baldaŭ, pri la nombro de la Kongresanoj.

Pro tio, tuj konigu al la Komitato vian aliĝon laŭ jena adreso: DEKA KONGRESO DE ESPERANTO, 3, place Jussieu, PARIS, France.

Kune sendu vian kotizon per poŝtmandato, ĉeko aŭ transpagilo.

**Atentu!**

*Ĝis la 1 junio 1915, tiu kotizo estas 15 frankoj* (10 frankoj por familianoj: edzino kaj infanoj).

*Post la 1 junio 1914, tiu kotizo estos 25 frankoj* (20 frankoj por familianoj).

Eĉ se vi ne estas certa, ke vi povos veni al la Kongreso, tamen *tuj aliĝu*, ĉar se vi ne ĉeestos, oni repagos al vi vian antaŭpagitan kotizon, deprenante nur unu frankon por oficejaj elspezoj. Sufiĉos, ke vi tion petos, sendante vian provizoran karton, antaŭ la 1 aŭgusto 1914.

Sekve, nenion riskante, vi ricevos grandan profiton, se vi aliĝos antaŭ la 1 junio 1914. Sed vi ricevos pli grandan profiton, se vi aliĝos kiel eble plej baldaŭ, ĉar *la ĉiumonatan Kongresan Gazeton, ĉiu kongresano (escepte la familianoj) ricevos senpage nur depost la tago de sia aliĝo.*

La unua numero aperos la 1 januaro 1914, kaj ĝin ricevos nur la Kongresanoj kies aliĝojn ni estos ricevintaj *antaŭ la 31 decembro 1913.* Ĉar ni presigos precize la sufiĉan nombron da ekzempleroj, al Kongresano kies aliĝon ni ricevos ekzemple en marto, ni sendos la Kongresan Gazeton nur de la 1 aprilo.

*Rimarko:*

Se vi havas presitan aliĝilon, uzu ĝin por sendi vian aliĝon; tio estas preferinda, sed ne necesa.

*La Organiza Komitato de la Deka.*

## DIVERSAĴOJ

.·. *Esperanto ĉe la mondekspozicio en Leipzig.* — Dum la venonta jaro Leipzig estos centro de la Esperanto-movado. Estas sufiĉe konate, ke tiu urbo posedas unu el la plej grandaj universitatoj de la tuta mondo, kaj pri la grandegaj mondfirmoj de la libroindustrio kaj eldonado oni aŭdas ĉiulande. En tia urbo, kiu pli ol alia partoprenas ĉe la mondkomerco, kiu havas la plej diversajn internaciajn rilatojn, la ŝatateco de Esperanto estas tre grava. De kelkaj monatoj la „Saksa Esperanto Instituto" kaj la „Reĝa Esperanta Biblio-

teko" estintaj antaŭe en Dresdeno, troviĝas en Leipzig. La „Reĝa Esperanta Biblioteko", estas ĝis nun ne superata de alia. En la bela publika legĉambrego estas elmetitaj ĉiuj konataj Esperantaj gazetoj. La servanta oficisto havas la devon, alporti ĉiun libron aŭ gazeton, kiun oni deziras. La uzado estas tute senpaga, eĉ la prunteprenado por kelkaj semajnoj. La Reĝa Esperanta Biblioteko prezentas sekve vere idealan okazon, studi nian lingvon. La jaro 1914 estos precipe grava por la Esperanta movado en Leipzig. Jam nun oni preparas la internacian mondekspozicion por libroindustrio kaj grafikaj artoj. La plej multaj kulturnacioj de la tuta mondo partoprenos oficiale la ekspozicion. Sur la „strato de la popoloj" troviĝos apud la pavilonoj de la diversaj nacioj ankaŭ Esperanta pavilono, kiu enhavos ĉion, kio rilatas al nia movado. En speciala parto: „Esperanto en la lernejoj", kie troviĝas skribaĵoj, tradukaĵoj kaj korespondaĵoj de la Esperantaj lernantoj oni ekkonas la praktikajn spertojn de la Esperantaj instruistoj. Per bona certa statistika materialo oni intencas propagandi. Tial mondkartoj estas desegnotaj, sur kiuj tre legeble estos videblaj ĉiuj urboj kaj lokoj, kie ekzistas Esperantaj asocioj, kiuj respondos la skribaĵon sendotan de la Saksa Esperanto Instituto [1]. La Esperanto-pavilono en la mondekspozicio estos por nia movado efikega propagandilo [2], ĉar multaj miloj da vizitontoj per la rigardo devos konvinkiĝi, ke Esperanto jam nun estas grava movado, kiun oni ne povas malestimi. La Esperanta popolo jam nun postulas sian spacon en la „strato de la popoloj".

Kelkaj aliaj partoj de la mondekspozicio uzas ankaŭ Esperanton por siaj celoj, ekzemple la fako por reklamafiŝoj. Per Esperanto oni kolektas la ĉiuspecajn reklamafiŝojn en la diversaj landoj, kaj tiamaniere la praktika valoro de Esperanto estas denove pruvata. Ke pro la mondekspozicio ankaŭ la Germana Esperanta Kongreso okazos en ĉi tiu jaro en Leipzig estas tre kompreneble. Sekve en la saksa urbego, kiu antaŭ cent jaroj estis la loko de grandegaj okazintaĵoj, Esperanto ludos gravan rolon dum 1914. — *W. Hahn.*

.·. *Esperanto kaj kooperativanoj.* — Ĉe la 9a kongreso de la Internacia Kooperativa Ligo en Glasgow, kie partoprenis 600 delegitoj, reprezentantaj pli ol 2.000.000 membrojn de 130.000 kooperativaj societoj, la lingva konfuzo, malgraŭ la ĝenerale bonegaj aranĝoj, estis tiel granda, ke S-ro William Maxwell ricevis specialan aklamon, kiam li gajhumore anoncis, ke en la sekvanta kongreso oni prenos Esperanton kiel komunan lingvon. Tiun aproban vorton oni sendube ŝuldas al la takta propagando de S-roj Handyside kaj Buchanan kaj de la loka grupo. Samideanoj, kiuj rilatas kun kooperativoj, ekspluatu la ideon de la internacie amata S-ro Maxwell por la progresigo de Esperanto. — B. E.

.·. *Sukcesa propagando.* — Oni rememoras la artikolon, aperintan en „Esperanto" n-ro 154 sub la titolo „Nova idealo de viro". Tiu artikolo estis verkita de la eminenta bohema verkistino, Sinjorino Olga Fastrova. Dank'al tiu artikolo, la tradukinto, S-ro J. Podlipsky, Subdel. en Smichov, sukcesis interesi Sinjorinon Fastrova pri Esperanto ĝis tia grado, ke ŝi publikigis tre fervoran artikolon por nia afero en la plej disvastigata bohemlingva gazeto „Narodni Politika". Ekzemplo imitinda por propagando en altaj rondoj!

.·. *Nova Testamento en Esperanto.* — Jam aperis la dua eldono de la Nova Testamento, presita de la Brita Biblia Societo en Londono. Baldaŭ en Usono aperos alia traduko, farita de pastro Mojado kun aprobo de la Katolika Eklezio. — O. E.

[1] La Saksa Esperanto Instituto, *Leipzig*, Dolzstrasse 1, treege dankas al ĉiuj gesamideanoj por la alsendo de ĉiuspecaj reklamafiŝoj.

[2] UEA estos reprezentata en la nomita pavilono.

.·. *Esperanto kaj turismo.* — Kiu deziras ricevi fidindan informon pri Kalifornio en formo de bele ilustrita 64-paĝa luksa libro, oficiale eldonita kaj senpage dissendata de la Komerca Ĉambro de Los Angeles, bezonas nur skribi poŝtkarton al la Komerca Ĉambro, Los Angeles (Kalifornio).

.·. *Esperanto kaj franca Turing-Klubo.* — De 1890 ĝis 1913 la franca Turing-Klubo donis 10.000 frankojn de monhelpoj al la grupoj kaj al la kursoj organizitaj de la Politeknika Asocio. Laŭ statistiko publikigita de tiu lasta organizajo, kies prezidanto estas S-ro Baudin, ministro de l'maraferoj, rezultas, ke ekzistas en Parizo 20 semajnaj Esp.-kursoj, aranĝitaj sub la patronado de tiu grava institucio. — P. E.

## TRA LA GAZETARO

.·. *Ondo de Esperanto* (novembro) publikigas gravan leteron de D-ro Zamenhof, per kiu nia Majstro pruvas, laŭ letero de S-ro Couturat mem, ke tiu ĉi lasta plene trompis lin pri siaj intencoj antaŭ la kunsido de la Komitato de la Delegacio. Ĉiuj personoj, kiuj ankoraŭ dubis pri la korekteco de la procedoj de tiu entrepreno, legu tiun leteron.

.·. *Germana Esperantisto* (novembro) enhavas tre detalan raporton pri la kongreso de UEA, verkitan de D-ro J. Hanau.

.·. *La Revuo* (novembro) anoncas, ke ĝia direktoro estos de nun S-ro Félicien de Ménil, anstataŭ S-ro Carlo Bourlet.

.·. *Burgonja Stelo* (novembro), jara bulteno de la Esp. Federacio de Burgonjo kaj Jura, enhavas pri UEA bonegan artikolon de nia vicprezidanto, S-ro Th. Rousseau.

.·. *Meksika Stelo* reaperas kiel organo de la Meksika Okcidenta Esp. Societo (Guadalajara).

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Bergisches Tageblatt*, Dieringhausen (14 okt.); *Gummersbacher Zeitung* (15 okt.); *Osnabrücker Sonntagsbote* (31 aŭg.); *Regensburger Anzeiger* (25 okt.); *La République de l'Oise* (5 nov.); *Moniteur de l'Oise* (5 nov.); *Alliance Démocratique de l'Oise* (5 nov.); *Il Viaggiatore*, Torino (okt.-nov.); *Corriere della Sera* (25 okt.); *Tampereen Sanomat* (23 sept.).



Ĵus aperis:

Oficiala Dokumentaro

de la Kvara Kongreso de UEA

1a kaj 2a partoj

Raportoj, protokolaro, paroladoj. — Du broŝuroj. — 100 paĝoj.

Rekomendata al ĉiuj Esperantianoj!

Prezo (afranke): fr. 1. 25 (50 sd.).

*UEA. — 10, rue de la Bourse, Genève.*



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Kotizaĵo 1914.** — *Ĉiuj novaj aliĝoj al UEA estos de nun kalkulataj por la jaro 1914.*

*Ĝisnunaj Esperantianoj kaj Entreprenoj povas de nun repagi la kotizaĵon por 1914.*

*La kotizaĵoj por 1914 estas la samaj kiel ĝis nun, nome:*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegito, aŭ se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA provizoran membrokarton en formo de kvitancilo, kaj en januaro la definitivan membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Honora tabelo de la Delegitoj.** — En la honora tabelo publikigita en N-ro 17 de *Esperanto*, ni, pro eraro devenanta de ŝanĝo de loko, forgesis publikigi la nomon de S-ro *A. Pagirev*, Del. Vladivostok (45 membroj dum 1912, 38 membroj dum 1913, el kiuj 13 subtenantoj). Nia sindonema Del. bonvolu nin senkulpigi!

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 31 oktobro 1913 estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 6159 kotizaĵoj (el kiuj 149 subtenantoj) por 1913 kaj 378 kotizaĵoj (el kiuj 29 subtenantoj por 1914).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 424; Laborista Fako: 23; Virina Fako: 55; Studenta Fako: 41. — Por 1914: Interŝanĝa Fako: 33; Studenta Fako: 2.

**Balotado.** — La balotado de nova Del. kaj Vicdel. en *Peterburgo* liveris la jenajn rezultatojn:

Voĉdonrajtantoj: 40. Balotiloj ricevitaj: 28. Nuligitaj: 2.
D: J. Rahamegi 20; R. Sakoviĉ 5; L. Vasiljev 1.
VD: L. Brandt 14; N. Romanov 12.

Konsekvence S-ro Rahamegi estas elektita Delegito kaj S-ro Brandt, Vicdelegito. La protokolon subskribis S-roj Romanov, Kass, Vasiljev.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondaĵoj en la C. O. de UEA dum oktobro 1913:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1264 | 2996 | 231 |

Tuta sumo: 3491. Antaŭa monato: 2390. Antaŭa jaro (sama monato): 4434.

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 20.375 |
| 96. Lahens, Paris | 125 |
| Frankoj | 20.500 |

Entute (ĝis la 10 novembro) 96 Garantiantoj mendintaj 164 atestojn, valoro 20.500 frankoj (8200 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato oktobro 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 290. 50 | Oficejo | 63. 95 |
| Subtenantoj | 10. — | Salajroj | 410. — |
| Jarlibro | 2. 50 | Korespondado | 96. 20 |
| Adm. Enspezoj | 135. 50 | Jarlibro | 335. — |
| | | Presaĵoj | 152. 20 |
| | | Materialo | 67. 35 |
| | | Adm. Elspezoj | 18. 50 |
| | Fr. 438. 50 | | Fr. 1143. 20 |
| Saldo | „ 704. 70 | | |
| | Fr. 1143. 20 | | Fr. 1143. 20 |

**Novaj Delegitoj.**

*Athen* (Grekujo). — D.: Aĥilo Pettas, poste restante.
*Bamberg* (Germanujo). — VD.: Gustav Goes, Heinrichsdamm 13/II.
*Bizerte* (Tunizio). — VD.: Jean Nicolas, Ferryville O. M. 3. Section.
*Brita ŝiparo* (H. M. S. Impregnable, Devonport). — D.: W. Camp.
*Brita ŝiparo* (H. M. S. Impregnable, Devonport). — D.: P. Carter.
*Brita ŝiparo* (Devonport). — D.: A. H. Hill, 16, Vincentstr. Stoke Devonport.
*Chambost-Longessaigne* (Francujo, Rhône). — D.: Jean Rousset.
*Cortemaggiore* (Italujo, Piacenza). — SD.: S-ino E. Merli-Meinardi.
*Deva* (Hungarujo). — D.: A. Ander, reallernejo.
*Harmanli* (Bulgarujo). — D.: G. V. Granĉarov.
*Hood River* (Usono, Oregon). — D.: G. I. Howe, 201, Prospekt Ave.
*Llangbyther* (Anglujo, Cardigan). — D.: E. R. Griffiths.
*Mirebel* (Francujo, Jura). — SD.: C. Lamard.
*Sestri-Ponente* (Italujo, Genova). — D.: G. Vota, Manufatturia dei tabacchi.
*St. Wendel* (Germanujo, Bez. Trier). — D.: Johannes May, poŝtsekretario.
*Tilden* (Usono, Nebraska). — D.: Chas. P. Lang.
*Ystradgynlais* (Anglujo, Glamorgan). — D.: W. H. Harris, pastro.

**Ŝanĝoj.**

*Alagoinhas* (Norda Brazilujo). — DD.: Carlos de Souza Cunha, 14 rua 24 de Fev. ereiro.
*Arad* (Hungarujo). — VD.: D. Dezseny, Korin Aron ut. 2.
*Augsburg* (Germanujo). — D.: D-ro R. Ledermann, Schiessgrabenstr. 28/II.
*Augsburg* (Germanujo). — VD.: D-ro W. Pfluger, Augsburg Pfersee, Augsburgstr. 16.
*Bahia* (Brazilujo). — D.: Jayme Martins de Souza, Avenida Hilda Garcia.
*Blair* (Usono, Nebraska). — D.: H. Skov. Nielsen.
*Fresno* (Usono, California). — D.: Th. L. Mc Neece, 3564, Nevada Ave.
*Graz* (Aŭstrio). — D.: D-ro R. Pettera, Kreuzgasse 13/II md.
*Hilversum* (Nederlando). — D.: J. F. E. von Romer, Pension Karsen-Schmidt, Albertus Perklaan 36.
*Kanton* (Ĥinujo). — VD.: Sifo, Macau, 41, rua da Praia grande.
*Leon* (Hispanujo). — D.: E. Amor Rolan, Cascaleria 9 pral.
*Merthyr-Tydfil* (Anglujo, Wales). — D.: Lewis Evans, 7, Bryn Terrace, Pontsticill.

*Peterburg* (Rusujo). — D.: J. Rahamegi, Nevskij prosp. 110, loĝ. 3.

*Peterburg* (Rusujo). — VD.: L. Brandt, Oficerskaj 26, loĝ. 41.

*Tiflis* (Rusujo, Kaŭkazo). — D.: D-ro Andreo Fiŝer, Elizabethstr. 77.

*Zaporoĵe-Kamienskoje* (Rusujo, Ekat. gub.). — VD.: St. Kvapil, Černiŝova ul.

## Eksiĝoj.

*Barrow-in-Furness* (VD.: Rollinson); *Kidwelly* (D.: Griffiths); *Ruhrort* (D. Plos); *Saarbrücken* (D.: May); *Tetschen* (D.: Elbracht); *Veenendal* (D.: Wesselius); *Youngstown* (D.: Kerr).

**Eksigoj.** — Pro nerespondo al informpeto, malgraŭ alsendo de averto, estas forstrekitaj S-roj:

*W. H. Case*, Del., Manila;
*R. V. Idojaga*, Del., Montevideo.

# Niaj propagandiloj

Ni havas la plezuron anonci al niaj Delegitoj kaj membroj, ke por plifaciligi ilian propagandadon, UEA decidis malaltigi la prezon de la nacilingvaj propagandaj folioj pri nia Asocio. Tiuj folioj, falditaj en broŝura formo de 8 paĝoj, enhavas informojn pri UEA kaj Esperanto. Ili estas tre taŭgaj por disdonado ĉe paroladoj, festoj, aŭ por individua propagando.

Prezo:

| | | |
|---|---|---|
| 100 ekzempleroj (afranke) | Fr. 0. 75 | (Sm. 0. 30) |
| 500 „ „ | „ 3.— | ( „ 1. 20) |

La folioj ekzistas en *angla, franca,* aŭ *germana* lingvo. Oni mendu ilin de la Centra Oficejo de UEA, kunsendante la necesan monsumon.

# Gvidfolioj kaj gvidlibroj

**Gvidfolio** celas liveri al la vojaĝantoj la plej urĝajn informojn pri iu difinita urbo, ĉu el Esperantista, ĉu el ĝenerala vidpunkto. Ĝi enhavas: 1e la adreson de la Delegito kaj de la konsuloj; 2e la adresojn de la lokaj Esperantistaj grupoj, se estas, kaj iliajn kunvenejojn; 3e la adresojn de la firmoj kaj hoteloj rekomendataj al Esperantianoj; 4e kelkajn informojn pri la vizitindaĵoj, distraĵoj, prezo de la komunikiloj k. t. p.

Ekzistas ĝis nun gvidfolioj en la jenaj urboj [1]:

**Aŭstrio-Hungario:** *Bozen-Gries, Budeĵovice, Jindrichuv Hradec Kladno, Praha, Prostejov, Roznov.*
**Belgujo:** *Spa.*
**Bulgarujo:** *Sofia.*
**Britujo:** *Bath, Cheltenham, Cromer, Letchworth, Liverpool, London, Portsmouth.*
**Danujo:** *Aarhus, Kopenhag.*
**Finlando:** *Kotka.*
**Francujo:** *Beaune, Bordeaux, Calais, Dijon, Grenoble, La Rochelle, Louhans, Poitiers, Roye, Tours, Vienne.*
**Germanujo:** *Bamberg, Berlin, Breslau, Dresden, Elberfeld, Hannover, Kiel, Königsberg, Krefeld, Leipzig, Merseburg, München, Rostock, Stuttgart, Weinböhla.*
**Hispanujo:** *Cartagena, Madrid, San Sebastian, Sevilla.*
**Rusujo:** *Kiew, Moskvo, Odessa, Peterburgo, Saratov, Varsovio, Vladivostok, Viŝni-Voloĉok.*
**Svedujo:** *Stockholm.*
**Svisujo:** *Davos, Genève, Le Locle, Rorschach.*

| *Prezo:* | | | |
|---|---|---|---|
| 1 ĝis 10 ekz. | *10 ct.* | ( 4 sd.) | Por membroj de UEA. |
| 11 „ 25 | *25* „ | (10 „ ) | |
| 26 „ 50 „ | *50* „ | (20 „ ) | |
| Plena kolekto (kun la Universitataj gvidfolioj) | *75* „ | (30 „ ) | |

Oni povas mendi ekz. de sama aŭ de malsamaj urboj laŭvole. Oni pagu per poŝtmandato, transpagilo, respondkuponoj aŭ respondpoŝtkarto 10 ct. Naciaj poŝtmarkoj, krom svisaj, ne estas akceptataj.

La supraj prezoj valoras *nur por la membroj de UEA,* kiuj ĉe la mendo notu sian membronumeron.

* * *

**Universitata gvidfolio** celas utili al la studentoj, kiuj deziras veturi eksterlanden por kompletigi siajn studojn en alilanda universitato. Ĝi enhavas informojn pri la Universitato (programo, kosto, studkondiĉoj), pri loĝejoj por studentoj, pri libertempaj kursoj por alilandanoj k. t. p.

Ĝis nun ekzistas tiaj gvidfolioj en la jenaj urboj:

*Dijon, Grenoble, Innsbruck, Milano, Nancy, Peterburgo, Poitiers.*

*Prezo:* Plena kolekto *25 ct.* (10 sd.) por membroj de UEA.

* * *

**Gvidlibro** celas konigi difinitan regionon kaj priskribi ĝiajn allogaĵojn.

I = ilustrita; R = resumo Esperanta.

La C. O. de UEA liveras afrankite gvidlibrojn de la enaj regionoj laŭ la flanke montritaj prezoj [1]:

| | Ct. | Sd. |
|---|---|---|
| **Aŭstrio-Hungario** | | |
| *Franzensbad* (16 paĝ. 13×19,5. I) | *10* | 4 |
| *Krakow* (68 paĝ. 12×16. I) | *15* | 6 |
| *Pejzaĝoj en Aŭstrio* (117 paĝ. 15×11. I) | *30* | 12 |
| **Belgujo** | | |
| *Antverpeno* (32 paĝ. 12×16,6. I) | *10* | 4 |
| **Britujo** | | |
| *Edinburgh* (32 paĝ. 11×15,5. I) | *15* | 4 |
| *Hastings* kaj *St. Leonards* (8 paĝ. 12×18. I) | *15* | 4 |
| **Finnlando** | | |
| *Vojaĝado en Finnlando* (64 paĝ. 12,5×18. I) | *25* | 10 |

[1] Grupoj, societoj aŭ Delegitoj dezirantaj eldoni gvidfolion legu la klarigojn sur paĝoj 37—38 de la *Oficiala Jarlibro de UEA.*

[1] Societoj eldonintaj gvidlibron kaj dezirantaj partopreni en tiu servo bonvolu sin turni al la C. O. de UEA.

## Esperantianoj,

**Antaŭ ol repagi la ordinaran kotizaĵon, atentu ke, pagante 125 Fr., vi estos dumviva membro de UEA kaj dumviva abonanto de Esperanto.**

**UEA kreskos kaj fortiĝos precipe per la individua agado de ĉiuj siaj membroj.**

**Por 1914 ĉiu Esperantiano klopodu por varbi almenaŭ du novajn Esperantianojn!**

| | Ct. | Sd. |
|---|---|---|
| **Francujo** | | |
| *Tra la lando Anjou* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |
| *Rouen* (107 paĝ. 9,5×12,5. I) | *70* | 28 |
| *Vichy-Gvidlibreto* (24 paĝ. 14,7×9. I) | *10* | 4 |
| *Turismo ĉe la fervojaro Orléans* (28 paĝ. 25×12,5. I) | *15* | 6 |
| **Germanujo** | | |
| *Augsburg* (12 paĝ. 10,7×16,6. I) | *10* | 4 |
| *Bad Reichenhall* (32 paĝ. 11,5×16,3. I) | *10* | 4 |
| *Breslau* (24 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Tra Dancigo* (16 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Düsseldorf am Rhein* (24 paĝ. 12,3×22,2. R) | *10* | 4 |
| *Vizitu Esslingen apud Neckar!* (8 paĝ. 12×21,5. I) | *10* | 4 |
| *Stuttgart* (52 paĝ. 11,5×16. I) | *15* | 6 |
| *Weinböhla* (52 paĝ. 12,8×18,2. R) | *15* | 6 |
| *Wernigerode-Hasserode* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |
| **Usono.** | | |
| *Los Angelos* [Kalifornio] (63 paĝ. 21×15) | *25* | 10 |

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.˙. S-ro *J. F. Morton*, Espiano en New-York, denove esprimas sian kontentecon je la servoj de UEA. Specialan dankon li esprimas al S-ro D-ro E. Le Duigon, Del. de Cherbourg, kaj al S-ro B. Martins d'Almeida, Del. de Lisboa, pro ilia afableco kaj pro tre gravaj servoj. Plue li dankas al la samideanoj en Lyon kaj Paris pro amika bonveno kaj multaj bonfaroj.

.˙. S-ro *K. Sommer*, Esp-iano en Chemnitz (Saks.), esprimas plej koran dankon al S-roj H. Test, Vicdel. de Philadelphia, kaj J. M. Clifford, Esp-iano en Braddock Pa., pro tre gravaj kaj bonege plenumitaj servoj.

.˙. S-ro *H. Springer*, Esp-iano en Stuttgart, esprimas sian plej koran dankon al S-ro P-ro J. Meazzini, Del. de Arezzo, pro lia afabla akcepto, kaj al S-ro L. Scarselli, Del. en Firenze, pro lia helpo kaj la servoj faritaj al li dum la vojaĝo.

.˙. S-ro *I. H. Krestanof*, Esp-iano en Dijon, kore dankas al sekvantaj gesamideanoj: S-ro Le Citol en Lorient, D-ro Lettry en Lanquidie, Ges-roj Sam. Mayer en La Rochelle, S-roj Marly kaj Brunet, Del. en Bordeaux, D-ro Chalot, Del., kaj Ges-roj Baumel en Toulouse, Ges-roj Fize, Carles, Del., kaj F-ino Roksano en Béziers, S-ro Astruc en Cette, S-ro Bernard en Montpellier, P-ro Dauphin en Nîmes, F-inoj Colombet, S-roj Verlaque kaj Fiandino en Marseille, S-ro Laget, Del. en Arles, S-ro Chavanon kaj Casteljau, Vicdel. en Avignon, S-ro Nal en Orange, S-ino Farges kaj S-ro Drudin en Lyon kaj al S-roj [illegible], Del., en Bourg por la amikaj helpoj, servoj kaj frataj akceptoj dank'al kiuj povis agrable kaj sukcesplene efektiviĝi lia longa paroladvojaĝo.

.˙. S-ro *N. Tupijanck*, Esp-iano en Kizlar (Kaŭkazo), varmege dankas S-rojn St. Rudnicki, Del. en Krakow, St. Szabuniewicz, Del. en Moskvo, Pill, Del. en Odessa, Rukavicin, Del. en Kazan, kaj S. Dobrzanski, Del. en Kielce, pro precizaj kaj tujaj servoj.

.˙. S-ro *C. G. Sterkenburg*, Del. en Groenlo, esprimas sian sinceran dankon al la Del. en Essen, Bochum, Duisburg, Borbeck, Hagen kaj speciale al S-ro Grodzki en Herne, pro la informoj pri la pola kongreso okazinta en Winterswijk (Nederlando).

## Devo kaj rajto de vojaĝanta Esperantisto en poŝtoficejo

Tre ofte oni povas aŭdi la plendon, ke la ŝtataj administracioj aŭ ne interesiĝas pri Esperanto aŭ ne kontentige (laŭ la opinio de Esperantistoj!) favoras nian aferon. Kelkfoje oni konstatis eĉ malamikecon. Iom alia estas ĝenerale la sintenado de komunumaj estraroj. Multaj urbaj administracioj ne nur estas Esperantemaj, sed eĉ tiel favoraj, ke ili subtenas la lokajn grupojn per monrimedoj aŭ per disponigo de ĉambroj por instruado k. s. Kompreneble ekzistas, en ĉiuj kazoj, esceptoj, kiuj — laŭ konata diro — ja plicertigas regulon. Ĉi tie mi ne ekzamenos la diversajn faktojn, kiuj naskis kaj naskas la ŝatindan helpon de ŝtataj aŭ komunumaj administracioj; mi ankaŭ ne deziras esplori la kaŭzojn, kiuj malebligas la helpadon spite la ofte ekzistanta bona volo; sed mi iom traktos la eblon ekzistantan por ni, iom instigi la „malemulojn" al favorigo de nia afero. Ĉiu scias, ke administracioj havas vivrajton nur tie, kie „administratoj" bezonas ilin. La administrantaj personoj dependas multrilate de la administrataj. Ni havas oficistojn pro la publiko. La oficistoj plenumas la dezirojn de la publiko, kiu donas al ili salajron. Ke aliflanke la publiko kondutu laŭ la reguloj kaj dekretoj, donataj de la oficistaroj, t. e. administracio, estas tre komprenebla postulo por starigi kaj konservi la necesan ordon. Kiom ĉi tiuj ĝeneralaj vidpunktoj estas aplikataj en la servoj de la poŝto, telegrafo kaj telefono, estas facile konstatebla. Sed ŝajnas al mi, ke la Esperantistaro ĝis nun tro malmulte konsciiĝis pri sia povo kiel publiko, kiel personaro, kiu bezonas kaj uzas la servojn de la poŝto. En la sekvontaj linioj mi uzos nur la esprimon „poŝto", celante ankaŭ la telegrafion kaj telefonion; ĉar la du lastnomitaj helpiloj en la nuntempa interrilataro submetiĝas al similaj administraciaj necesoj.

Se ni interkonsentas, ke la devo de ĉiu vera Esperantisto postulas, ke li ankaŭ propagandu Esperanton, la logiko necesigas, ke ni ne haltu en nia agado antaŭ ŝtataj aŭ komunumaj administracioj. Pri la propagandmaniero oni povas diskuti. Mi diferencigas du manierojn, nome la teorian kaj la praktikan. Rilate la teorian mi konfesas, ke — laŭ mia opinio — ĝia tempo plejparte jam forpasis. La nuna disvasteco de nia afero estas tia, ke ni preskaŭ ĉiam povas ŝpari paroladojn, per kiuj ni informas pri „kio estas Esperanto". La nuna stato necesigas des pli forte, ke ni montru „kie kaj kiom utilas Esperanto". El la faktoj konstateblaj ni prave konkludas, ke Esperanto pli kaj pli forigas barojn ĝis nun ne venkitajn, kaj ke sekve Esperanto fariĝis helpilo necesa en interrilato, kiu similas al tiu, por kiu sukcesplene oni jam uzis ĝin. Se mi povas uzi Esperanton — per helpo de „UEA-Delegito" — por trovi konvenan hotelon aŭ kompetentan firmon por iu ajn komerca entrepreno, mi certe povas uzi Esperanton — per helpo de poŝtoficisto — por trovi miajn leterojn en fremdlanda poŝtoficejo, por aĉeti poŝtmarkojn k. t. p. La Delegito ja estas libervola, nesalajrata oficisto. Oni nun supozu, ke mi bezonas la helpon de UEA-Delegito en iu ajn banloko, kie ankoraŭ ne ekzistas tia homo, kie eĉ ne ekzistas Esperantisto. Ne trovinte en la jarlibro de UEA la adreson de Delegito, mi skribos al UEA tiurilate. Kaj nun supozu, ke temas pri ĵus „malkaŝita belegejo" sur marbordo, pri loko, kien iri jam kelkaj Esperantistoj deziris, pri kies neekzistanta Delegito jam kelkaj skribis al UEA. Kion faros UEA? Certe ĝi klopodos, havigi al si kiel eble plej baldaŭ Delegiton en la koncernata loko. Ni transiru al la poŝto kaj supozu, ke mi — ekzemple en Anglujo — eniras poŝtoficejon kaj petas esperantlingve poŝtmarkojn. Laŭ la nuna stato verŝajne okazos, ke la oficisto ne komprenos min, volenevole mi parolos angle — se mi tion scias! Kion mi ĵus fantazie faris — kaj jen via devo, Esperantistoj! — faru reale ĉiu vojaĝanto el vi. Se same agos multaj vojaĝantaj Esperantistoj, certe la poŝto pli kaj pli atentos. Tio des pli efike okazos, ju pli lerte la vojaĝanto esprimos sian miron, ke oni ne jam uzas Esperanton, la internacian helplingvon, en internacia instituto, kia estas la poŝto. Pro la postuloj de la publiko ja ofte kiu ajn administracio enkondukas novan servon; pro naskiĝinta neceseco ja ofte oni utiligis al si rimedon, longtempe neŝatitan. Kion necesigas la praktiko, ties vivrajto jam estas atestita; kion oni enkondukis post nura teoria konsiderado, tio ofte rapide malaperis, ĉar la praktiko ne povis uzi ĝin. Ni ne atendu, ke la poŝtadministracioj, post nura teoria konsiderado, devigos siajn oficistojn, lerni Esperanton; sed ni estu konvinkitaj, ke la administracioj vole-nevole kontentigos la postulojn

de praktika neceso, se ĝi estos starigita. Kaj tio estas unu el la plej gravaj, el la plej facile plenumeblaj devoj de vojaĝantaj Esperantistoj: ili postulu Esperante parolantajn oficistojn! Post daŭra insistado ili aperos. Al la internacia rilataro la internacia poŝto; al la internacia poŝto la internacia lingvo, parolata de oficistoj, kiuj helpas la internacian rilataron per sia laboro! — Ne nur buŝe, ekzemple ĉe la giĉeto, oni unue parolu Esperantlingve, kiam oni troviĝas en fremda lando; ankaŭ skribe oni prefere uzu nian lingvon. Ekzemple: mi vojaĝas el Paris al Madrid kaj deziras sekvigi la leterojn alvenontajn post mia foriro. Mi skribu al la poŝtoficejo pri tio, uzante Esperanton. Por ke ne naskiĝu embaraso, mi aldonu la vorton „Esperanto" kaj — en la unuaj cirkonstancoj — mi ripetu mian peton germanlingve. Mi ne dubas, ke la franca poŝto ricevinte multajn similajn leterojn, ekatentos kaj konsentos, ke estas pli afable uzi internacian lingvon ol nur mian nacian. Cetere — mi aprobas, ke la plej ĝentila ago estus uzi la francan lingvon. Sed — kiom ajn da personoj deziras uzi la francan lingvon, ili ne povas, almenaŭ ili ne scias esprimi sian deziron. Simila estas la situacio de franco en Ruslando, de ruso en Hispanujo, de anglo en Germanujo. La poŝtadministracioj ja konsentas, ke fremdaj lingvoj estu uzataj ĉe la giĉetoj; ekz. en Budapest mi parolis germanlingve, ĉar mi ne scias la hungaran lingvon, kaj la oficisto ne sciis Esperanton. Ĉu mi rajtis postuli de la oficisto germanlingvan respondon? Certe ne! Sed same kiel mi rajtis postuli internacian respondkuponon, kiun necesigis la internacia letermovado, tiel mi rajtas postuli la uzon de Esperanto, la internacia helplingvo, kiun necesigis la nuna kulturo, la nuna multspeca rilataro internacia. Ĉi tiun rajton oni ne trouzu. Ekzistas ja multaj ne praktikataj rajtoj, aŭ almenaŭ, ne sufiĉe praktikataj.

Kiam ni Esperantistoj kunestas, ni ne akcentas nian naciecon. Ĉu pro tio ni ĉesas esti germanoj, francoj, angloj k. t. p.? Certe ne! Kun ĉiam kun denova ĝojo mi memoras la viziton de esperantistaj geedzoj en mia hejmo. Ni interparolis pri tio kaj tio; amikeco regis. Sed jen: sin montris la germano, jen sin montris la franco. Unu lernis de la alia ion, kion li ĝis nun ankoraŭ ne sciis. Ĝoje mi memoras mian viziton en hungara hejmo. Mia gastiganto restis hungaro, parolante al mi esperantlingve. Ĉiu deziras konservi sian naciecon. El tio sekvas la devo, estimi la deziron de l'najbaro same kiel mi postulas, ke li estimu la mian. Konservi sian naciecon estas ankaŭ la devo de ĉiu nacia oficisto; estimi ĉi tiun devon estas la devo de ĉiu vojaĝanta Esperantisto. Ĉu ne pli bone oni montras ĉi tiun estimon per uzo de neŭtrala, internacia lingvo en poŝtoficejo ol per uzo de nacia, kiu ne estas la lingvo de l'koncernata lando? El la rajto de ĉiu, konservi sian naciecon, naskiĝas la devo, serĉi rimedon, por interrilatiĝi kun alia nacio. Ni Esperantistoj, kiuj trovis tian rimedon, uzu ĝin! Tiel ni praktike montros, ke ankaŭ jena kontraŭdiro estas senbaza, kiun lastatempe oni laŭtigis en diversaj landoj, nome, ke Esperanto estas kontraŭnacia. Kio estas internacia, tio ne nur estas ne kontraŭnacia, sed eĉ helpas kaj ebligas ordigi multajn aferojn, sen tio, ke ĝi trudas alian naciecon. Per ĉiu nacia lingvo sin ankaŭ trudas nacieco. Do — la vojaĝantaro Esperantista montru al la ĉiulandaj poŝtoficistoj la vojon eviti tian sintrudon kaj samtempe plifaciligi la laboron; jen ĝia grava devo kaj bela rajto!

*Arnold Behrendt,* Supera Poŝtpraktikanto, *Breslau.*

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — S-ro Sigmund Freund, Vicdel. en Breslau, kun F-ino Lotte Proskauer, Esp-ianino el Breslau.

**Edziĝo.** — F-ino Anna Prause kun S-ro Marjan Grodzki, Del. kaj estro de la Esp. grupo en Herne (Posen).

**Translokiĝo.** — Nia samideano Edmond Privat loĝos de nun en Paris, 32, rue Vergniaud.




**Komercistoj,**

**Via firmo fariĝu Esperantia Entrepreno** (Fr. 12.50)!

**Mendu anoncon en la Jarlibro de UEA por 1914!**




# Alvokoj

Pro la kreskanta nombro de artikoloj por tiu rubriko, ni estas devigitaj alpreni la jenajn regulojn, al kiuj niaj korespondantoj bonvolu alkonformiĝi:

1-e Ni enpresos en tiu rubriko nur alvokojn aŭ petojn havantajn ĝeneralan intereson je la vidpunkto de Esperanto aŭ de UEA. La notojn, kiuj havas karakteron de reklamo speciale por iu komercaĵo, eldonaĵo, urbo, ni akceptas nur kiel pagatajn anoncojn. Ili tiuokaze aperos en la parto speciale rezervata por la reklamo.

2-e Ni enpresos nur la alvokojn, kiuj estas sendataj de Esperantianoj aŭ Esperantiaj Entreprenoj.

3-e La redakcio rezervas al si la rajton resumi tiajn artikolojn.

*La redakcio.*

## Naturhistorio kaj Esperanto

Inter la sciencoj al kiuj helpa lingvo estas ĉefe utila, la naturhistorio estas nomota. Ĝi interesas multajn personojn, sed preskaŭ ĉiujn diversfake. Unuj studas la mambestojn, aliaj la birdojn aŭ la rampulojn, la fiŝojn; aliaj la insektojn (papiliojn, muŝojn k. t. p.); multaj sin okupadas pri plantoj, fungoj, konkoj aŭ terhistorio.

Tiuj naturstudantoj loĝas en tre diversaj landoj, urboj aŭ vilaĝetoj. Ili kuniĝas tre malofte, kaj, pro la malhelpo, kiun kaŭzas la malgranda nombro en ĉiu fako, la neproksimeco de ĉiuj kaj la *naciaj lingvoj,* ili trovas tre malfacile korespondantojn por iliaj studoj.

Al ili Esperanto estas *necesega.* Rigardu entomologiiston, kiu studas tre specialan insektan familion. Li *bezonas* korespondantojn en ĉiuj landoj. Mi demandas: per kiu lingvo ili interkorespondos?

Jen estas nun ruse presita libro pri grupo de insektoj, kiu interesas nur malmultajn personojn. Por traduki nacilingven tiun verkon, la kosto estus altpreza. Tiu, kiu intencas legi ĝin, devas lerni la rusan lingvon, kaj mi konas nun du samideanojn, kiuj, bezone, lernas la rusan kaj la hungaran lingvojn por tiu celo.

Ĉiu scienca libro, Esperante tradukita, estus malgrandpreza kaj uzata ne nur de kelkaj, sed de la tuta landaro.

Do, al la naturhistoriistoj, Esperanto donas gravan facilecon por trovi korespondantojn, interŝanĝi sciigojn, bestojn k t. p. kaj ĝi malpligrandigas la koston de la scienclibroj. Jam oni uzis ĝin sukcese, sed alvenas la tempo, dum kiu serioza provo estas farota.

Je la nomo de la esperantistaj naturstudantoj ni sendas alvokon al ĉiuj, eĉ al la personoj, kiuj ne estas anoj de tiuj sciencoj. Ili povos helpi nin al la farado de grava listo skribante al ni nomojn de naturhistoriistoj kaj parolante al tiuj personoj pri tiu celo.

Dank'al iliaj sciigoj ni provos interrilatigi Esperante la naturstudantojn de ni konatajn, laŭ iliaj fakoj, kaj enstarigi decide Esperanton en tiun sciencon. *P. Varnier,* entomologisto,

Meaux (Francujo).

## Al tradukistoj

En aŭtuno de l'nuna jaro ni komencas eldoni serion da libroj: *Rusaj poetoj.* Ĉiu libreto enhavos versaĵojn nur de unu poeto. La unuan libron ni intencas doni al Balment, poste sekvos: Sologub, Blak, Brjusov, Gippius, Fet, Tjutĉev. Ni petas Esperantajn tradukistojn sendadi al ni tradukojn (precipe malgrandajn lirikajn poeziojn) el ĉi tiuj poetoj. Ni plezure akceptos ankaŭ tradukojn el aliaj (rusaj) poetoj, ĉar se ni havos sufiĉe da bonaj tradukoj el iu alia poeto, ni povos ŝanĝi nian supreskribitan programon, kiu estas nur supoza. Bonvolu sendi la manuskriptojn al: *David Vigodsky, Homel, Ruslando.* — Ni petas aliajn gazetojn precipe legatajn en Rusujo, represi ĉi tiun leteron.

## Propagando en Nordo

S-ro Toivo Lehtonen (Hallitusk 23, Tampere, Finnlando), petas, ke Esperantistoj el ĉiuj landoj bonvolu sendi al li propagandajn gazetartikolojn, kronikon k. t. p. Li ilin publikigos en lokaj gazetoj. Propagando en Nordo vin vokas!

# UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

GENÈVE 10, RUE DE LA BOURSE GENÈVE

## Ekstraktoj el la katalogo:

En la suba listo oni trovos la plej bonstilajn verkojn de la Esperanta literaturo. Ni rekomendis nur tiujn verkojn, kies stilo estas neriproĉinda kaj kiuj estas indaj esti en la biblioteko de ĉiu bona Esperantisto.

INSTRUADO, HISTORIO: Prezo (afranke Fr.)

**Fundamento de Esperanto,** kvinlingva, de D-ro ZAMENHOF. Broŝ. . . . 2. 20
Kun kartona kovrilo . . . 2. 75
**Klasika Libro.** Oficiala Gramatiko kaj Radikaro en poŝformato. Kun ingo . . . 1. 35
ĈEFEĈ. — **Universala ŝlosilaro** en naŭ lingvoj. Bind. . 1. 50
KABE. — **Vortaro de Esperanto.** Luksa, 176 p. Kun kartona kovrilo . . . 4. 50
CH. VERAX. — **Enciklopedia Vortareto Esperanta.** Luksa, 250 p. . . . 6. 70
D-ro ZAMENHOF. — **Lingvaj Respondoj.** 2 volumoj (ĉiu) 0. 80
Ed. PRIVAT. — **Karlo.** Facila rakonto en 20 ĉapitroj, 5a eld., 36 p. 0. 50
Ed. PRIVAT. — **Kursa Lernolibro.** Instruilo per parola metodo, 64 p. . . . 0. 50
KABE. — **Unua Legolibro.** Gradigitaj legaĵoj, 4a eld., 180 p. 2. —
D-ro A. FIŜER. — **Esperanta Legolibro.** 2a eld, 116 p. . 0. 90
Z. ADAM (A. Zakrzewski). — **Historio de Esperanto** (1887 ĝis 1912). 144 p. . . . 2. 30
Ed. PRIVAT. — **Historio de la lingvo Esperanto.** Popola eld., 54 p.. . . . 1. 25
B. KOTZIN. — **Historo kaj teorio de Ido.** 144 p. . . . 1. 50
R. DE LADEVÈZE. — **Demandaro pri la historio, literaturo kaj organizaĵoj de Esperanto** (por Esperantaj ekzamenoj) . . . 1. 50

LITERATURO:

TRADUKOJ:

**La Nova Testamento.** Eldonita de la Brita Biblia Societo. 614 p. Bind. . . . 2. 25
Bind. kun nigra ledo . . . 2. 75
Luksa . . . 4. —
D-ro ZAMENHOF. — **Fundamenta Krestomatio.** 460 p. . 3. 75
D-ro ZAMENHOF. — **Hamleto.** Tragedio de *Shakespeare.* 170 p. . . . 2. 30
D-ro ZAMENHOF. — **Ifigenio en Taŭrido.** Dramo de *Gœthe.* 108 p. . . . 2. 30
D-ro ZAMENHOF. — **La Rabistoj.** Dramo de *Schiller.* 144 p. 2. 30
D-ro ZAMENHOF. — **La Revizoro.** Komedio de *Gogol.* 100 p. 1. 75
D-ro ZAMENHOF. — **Marta.** Rakonto de *Eliza Orszesko.* 238 p. 3. —
M. F. ZAMENHOF. **Proverbaro Esperanta.** 82 p. . . . 2. —
A. GRABOWSKI. — **Kondukanto kaj Antologio.** 180 p. . 2. 25
KABE. — **La Faraono.** Romano de *Prus.* Tri volumoj. (ĉiu) 2. 60
KABE. — **Patroj kaj filoj.** Romano de *Turgenjev.* 166 p. 3. —
KABE. — **Fundo de l' Mizero.** Romano de *Sieroŝevskij.* 91 p. 0. 85
KABE. — **Pola Antologio.** 2a eld., 154 p. . . . 2. 20
S. MEYER. — **Karmen.** Romano de *Mérimée.* 56 p. . . 1. 35
RAMO. — **Fabiola.** Romano de Klo *Wiseman.* 428 p. . . 4. 35
RAMO. — **En Svislando.** Rakontoj de svisaj aŭtoroj. 104 p. 2. —
D-ro VALLIENNE. — **Eneido,** de Virgilio. 274 p. . . 3. 35

ORIGINALAĴOJ:

H. A. LUYKEN. — **Paŭlo Debenham.** Romano. 228 p. . 2. 80
H. A. LUYKEN. — **Mirinda amo.** Romano. 295 p. . . . 3. —
H. C. MEES. — **La kaŭzo de senlaboreco.** 58 p. . . . 1. 40
Ed. PRIVAT. — **Pri Esperanta Literaturo.** Parolado. 24 p. 0. 80
Ed. PRIVAT. — **Ginevra.** Lirika dramo. 48 p. . . . 1. 25
Ed. PRIVAT. — **Tra l' Silento.** Poemoj. Lukse eldonita . 1. 50
D-ro SCHULHOF. — **Poemaro.** Tri volumoj. (entute) . . 1. 50
D-ro VALLIENNE. — **Kastelo de Prelongo.** Romano. 450 p. 4. 50
D-ro VALLIENNE. — **Ĉu li?** Romano. 450 p. . . . 4. 50

MUZIKO: Prezo (afranke) Fr.

K. JOST. — **Esperantista Kantaro.** 17 liedoj. 40 p. . . 1. —
**Esperantista Kantaro.** 2a eld., 10a milo. 72 p. . . . 0. 75

INSIGNOJ, FLAGOJ:

**Oficiala insigno de UEA.** — Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) . . . 1. 15
Butono . . . 1. 45
Por Delegitoj. Pinglo, broĉo aŭ butono . . . 1. 25
**Esperantista insigno** (modelo Gasse). Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) . . . 1. —
Butono . . . 1. 25
Kravatpinglo . . . 0. 85
Ĉeninsigno . . . 1. 75
**Esperantista flago.** 25 × 16 cm. . . . 0. 75

*ATENTU! — Ĉiuj verkoj supre notitaj estas sendataj afrankite. Por rekomendo aldonu 25 ct.*


# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AIDIN (Azia Turkujo). — S-ro Chrissostomo Karatza, PM., PI., bfl.

AUGSBURG (Germanujo, Bavarujo). — La Esperanto-kurso ĉe la realgimnazio deziras korespondadi kun eksterlandanoj.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro Arkadio Fetisov, Oblupinskaja pl. 28, PI. (kun ĉiuj landoj ekster Eŭropo).

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro Petro Ĵivulin, 2 Sapoĵnikovskij per 13, fotografisto, PI. (kun ĉiuj landoj).

BERLIN (Germanujo). — S-ro Edmund Himmelstoss, komercisto, S 59, Kottbuserdamm 21/III, PI., PM., L.

BERLIN (Germanujo). — S-ro Karl Behrle, Stralauer Allee 20, Berlin O. 17, (pri Universala Homara Unio).

BLAGOVEŜĈENSK (Rusujo). — S-ro N. A. Ŝiŝkin, T. D. Ĉurin uko.

BOULOGNE-SUR-SEINE (Francujo). — S-ro G. Chantaz, 38, Rue de Billancourt, PI. (kun ĉiuj landoj; povas sendi laŭ peto parizajn kartojn kaj aliajn; interŝanĝas ankaŭ amatorajn fotografaĵojn, poŝtkart.).

BRNO (Aŭstrio, Moravio). — S-ro K. Löffler, Tivoligasse 41, PM., PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST VII (Hungarujo). — S-ro Ludoviko Wandra, Miksautca 4-6, PM., PI.

CHAMPAGNE-SUR-SEINE (Francujo, S.-et-M.) — S-ro Fernand Foucault, Rue de la Mairie, PK., PI., PM. (kun ĉiuj landoj).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DÜSSELDORF (Germanujo). — S-ro Josef Paffenholz, Rethelstrasse 169, PI., bfl. (kun ĉiuj landoj).

ERZSÉBETFALVA (Hungarujo). — S-ro Paŭlo Eisler, L., PI., PM.

GORIZIA (Aŭstrio). — S-ro Ant. Zamparo, via Seminario, PI., bfl. (kun ĉiuj landoj ekster Aŭstrio).

JINDRICHUV HRADEC (Aŭstrio, Bohemujo) — S-ro Vilem Posik, gimnaziano, L., PM., PK., PI., bfl. (kun studentoj).

KRASNOJARSK (Siberio). — S-ro A. E. Stabrovskij, Nikolaevskaja slob., N-Ĉeĥovaja str., d. N-ro 3., PI., L. (kun ĉiuj landoj, pri ĉiuj demandoj).

LIMOGES (Francujo, Haute-Vienne). — S-ro René Gœschtel, 32, Rue du Clocher, PI., PM.

